# der esperantist

Mitteilungsblatt des Esperanto-Verbandes im Kulturbund der DDR

20. Jahrgang Nr. 123 (1/1984) ISSN 001 4-0619 30 Pf


## Pacmovado kaj Esperanto-movado


Detlev Blanke


### Kelkaj skizoj kaj rimarkoj

#### 1. Pacifismaj motivoj en la planlingva movado

La aktuale pligrandiĝanta militdanĝero pensigas pri la neceso kaj ebleco kontribui al la internacia pacmovado ankoraŭ pli efike kaj pli insiste per la fortoj de la internacia Esperanto-movado, ĉar, kiel diras Paul Thorsen en „Pluk" (p. 77)

**L'atoma bombo**
**La homa tombo**
**L'alternativo**
**Paca kunvivo.**

Ĉi-tie ni ne volas kaj ne povas detale trakti la rilatojn inter pacmovado kaj Esperanto-movado, sed nur mencii kelkajn faktojn, kvazaŭ skize.

Oni povas certe prave aserti, ke la pacmovada komponento ĉiam ludis sufiĉe fortan rolon en la Esperanto-movado. Sed oni ankaŭ povas pruvi, ke entute en la historio de la provoj por kreo de internaciaj planlingvoj pacidealoj ofte estis la bazaj motivoj. Certe oni ĝenerale troigis la rolon de la lingvo kiel pacigilo inter la homoj. Sed estiminda estas la sincera deziro kontribui per homo lingvo al konservo de la paco. Jam KOMENSKY supozis, ke per enkonduko de perfekta universala lingvo oni certigos, **„ke ĉiuj homoj denove fariĝus unu raso, unu popolo, unu fimilio, unu lernejo de DIO".**[1])

Multaj lingvoprojektintoj estis adeptoj de la formulo de POMPIATI, kiu 1918 publikigis la projekton „Nov latin logui":

**„Se la homoj ĉiuj komprenos unu la alian, ne plu ekestos milito"**[2]).

En la Volapukmovado regis la sama etoso. Dum la 1-a Kongreso de Volapuko 1884 (25. — 28. 8.) en Friedrichshafen SCHLEYER deklamis:

**„Per la ĉiambrilaj bataliloj de la klero**
**Ek al nia nova, grandioza kreo,**
**Ligilo de la amo fariĝis Volapuko nia,**
**Landojn kaj landojn jam de nun**
**ĉirkaŭplektanta,**
**Ke nia belega de sunbrilo Tero**
**Por la amfratoj fariĝu Edeno;**
**Ĉies langoj klare akordiĝu,**
**Pacaj sonoj monden feliĉflugu.**[3])

#### 2. Zamenhof

Ni ankaŭ scias, ke profunda humanismo stimulis ZAMENHOF, krei Esperanton. Li pensis, ke la ĉefa kaŭzo de la

malamikiĝo inter la homoj, estas la diverseco de lingvoj. En sia fama letero al BOROVKO li skribas ĉ. 1890:

**„En Bjelostoko la loĝantaro konsistas el kvar diversaj elementoj: rusoj, poloj, germanoj kaj hebreoj; ĉiuj el tiuj ĉi elementoj parolas apartan lingvon kaj neamike rilatas la aliajn elementojn. En tia urbo pli ol ie la impresema naturo sentas la multepezan malfeliĉon de diverslingveco kaj konvinkiĝas ĉe ĉiu paŝo, ke la diverseco de lingvoj estas la sola, aŭ almenaŭ la ĉefa, kaŭzo, kiu disigas la homan familion kaj dividas ĝin en malamikajn partojn".**[4])

Ni scias, almenaŭ ekde Marx, ke ne la lingvaj baroj estas la ĉefa kaŭzo de socia malamikeco inter la gentoj kaj popoloj, sed faktoroj de la klasa socifomacio. Tamen neniu kontestas, ke komunikado estas tre esenca antaŭkondiĉo por interkompreniĝi kaj malkonstrui antaŭjuĝojn kaj misinformojn. Estus interesa esplorobjekto la temo „Lingvaj malhelpoj en la pacmovado".

La pacideo de ZAMENHOF evoluis kaj konkretiĝis. Li prenis tre klaran pozicion dum la unua mondmilito, kies finon li ne ĝisvivis. 1915 li verkis sian faman alvokon al la diplomatoj **„Post la „Granda Milito"**, en kiu li vokas: **„Sinjoroj diplomatoj! Post la terure eksterma milito, kiu starigis la homaron pli malalten ol la plej sovaĝaj bestoj, Eŭropo atendas de vi pacon. Ĝi atendas ne kelktempan interpaciĝon, sed pacon konstantan, kiu sola konvenas al civilizita homa raso. Sed memoru, memoru, memoru ke la sola rimedo por atingi tian pacon, estas: forigi unu fojon por ĉiam la ĉefan kaŭzon de la militoj, la barbaran restaĵon el la plej antikva antaŭcivilizacia tempo, la regadon de unuj gentoj super aliaj gentoj".**[5])

Do jen ZAMENHOF tute realisme komprenis, ke la subpremado de popoloj super aliaj estas ĉefa militkaŭzo. Lin plene pravigas la historiaj spertoj.

Post la unua mondmilito venis la dua. Ĉu povas veni **tria?** Certe ne, ĉar nur povas veni **lasta.**

**3. Elstaraj pacifistoj**

Estas tute kompreneble, ke la humanisma mesaĝo de ZAMENHOF allogis pacifistajn rondojn. Al ili apartenis Leo Tolstoj kaj tolstojanoj. Estas konate, ke TOLSTOJ 1894 skribis al la redakcio de „La Esperantisto":

**„La ellernado de Esperanto kaj ĝia propagando estas sendube kristana agado, akcelanta la estigon de l'Regno Dia, kio prezentas la ĉefan kaj solan mision de la homa vivo."**

Por tolstojanoj „realigi la Regnon de Dio" signifis fakte realigi pacan ordon sur la tero.

Ekde la unuaj jaroj de Esperanto la rilatoj inter la Esperanto-movado kaj la porpaca idearo (pacifismo) kaj la pacmovado ne ĉesis ekzisti.[6]) Jam la unua internacia packongreso 1889 sin esprimis ĝenerale por helplingvo. Kaj ĉiam denove oni renovigis la proponojn akcepti Esperanton kun malsama sukceso. Aparte aktiva en la pacmovado estis la franca esperantisto Gaston MOCH, kiu 1905 fondis Internacian Societon Esperantistan por la Paco. De 1905 — 1909 li aperigis revuon „Espero Pacifista". Ankaŭ la konata pacbatalintino Berta von SUTTNER 1910 esprimis sin pri paco kaj Esperanto: **„Esperanto kaj pacifismo estas gefratoj".** Ŝia ĉefverko „For la batalilojn" (Die Waffen nieder) aperis ankaŭ en Esperanto.

La eldiro de Berta von SUTTNER sonas tre moderne, konsiderante tion, kion antaŭ kelkaj jaroj esprimis la prezidanto de la Monda Packonsilantaro Romesh CHANDRA. Li diris: **„Ekzistas la neceso reciproke interkompreniĝi. Kaj, se vi pro tio diras „Esperanto por la paco", mi kredas, ke vi mencias du vortojn kiuj konsiderinde signifas la saman."**[7])

Tre eminenta figuro el la internacia pacmovado estis la aŭstra esperantisto Alfred Hermann FRIED (1864—1921)[8]). FRIED estas unu el la fondintoj de la moderna pacmovado. Li multe agis kaj faris proponojn por krei reton de strukturoj kaj instrumentoj, kiuj helpu eviti militojn, i. a. precizigo de la internacia juro, projektoj pri interŝtata kunlaboro, supernacia mondorganizaĵo, starigo de internacia arbitracia tribunalo. Multe da liaj (kaj alies) ideoj trovis eniron en la Ligon de Nacioj, UN, la Internacian Kortumon en Hago kaj en aliajn iniciatojn internaciajn. FRIED ne

nur estis simple esperantisto, li estis ankaŭ aktiva aganto. 1912 aperis de li lernolibro por germanoj en 6 eldonoj. En Esperanto aperis lia verko „La problemoj de la malarmado" (1907). Dank al la iniciato de FRIED la 16a Internacia Packonferenco 1907 en Munkeno akceptis rezolucion por Esperanto.

## 4. Respondeco de esperantistoj

Al la esperantistaj pacaktivuloj ankaŭ apartenis la fondinto de Universala Esperanto-Asocio, la juna sviso Hector HODLER. 1917 li esprimis fundamentan plene aktualan konstaton:

**„Estas necese, ke la esperantistoj mem komprenu, ke la sorto de ilia lingvo estas intime ligata kun la triumfo de la movado por starigo de paca ordo internacia. Esperantisto, kiu deziras la konservon de l'interŝtata anarkio, estas nekonscia malamiko de Esperanto ... Okazaj sukcesetoj ... ne devas malatentigi tiun evidentaĵon, ke por nia movado ne ekzistas pli granda danĝero ol la milito".[9])**

1969 similan penson esprimis Humphrey TONKIN, unu el la motoroj de la nuntempa Esperanto-movado, dum la junulara kongreso en Tyresö: **„La problemoj de tutmonda paco, de la legitimeco de la milito, de la moraleco de vastaj elspezoj je defendado kaj armiloj, estas demandoj, kiujn ni ne preterpaŝu aŭ evitu diskuti.**

**Nia lingvo servas la homaron en paco, ne la homaron en milito. Sekve ni havas devon krei la kondiĉojn, en kiuj nia lingvo prosperos".[10])**

Kiom aktuale!

Oni povas citi ankoraŭ multajn aktivulojn el la internacia Esperanto-movado, kiuj sin klare engaĝis por la pacbatalo kaj ankaŭ pro tio suferis aŭ mortis. Al ili i. a. apartenas Max Josef METZGER, grava funkciulo de la katolika pacmovado kaj aktiva esperantisto. Lin murdis 1943 la nazioj. En GDR aperis 1970 (Union-Verlag) libro pri li „Wider den Krieg" (Kontraŭ la milito) de Klaus DROBISCH, en kiu lia esperantista agado estas plurloke menciita.

## 5. Laborista Esperanto-movado[11])

Eĉ la kontraŭuloj de la marksismo ne povos nei la grandan influon de la ideoj de Marx kaj Engels kaj Lenin je la monda evoluo. Unu el la ĉefaj elementoj de ilia instruo estas la celo forigi la militon el la historio de la homaro.

La laborista movado objektive — instruas Marx, Engels, Lenin — estas la plej konsekvenca defendanto de la paco. Ili nur povas gajni kaj nenion perdi. Do ne estas mirinde, ke en la laborista Esperanto-movado troviĝis plej aktivaj pacbatalantoj, eĉ pli, la batalo kontraŭ la militinstiga imperiismo kaj kontraŭ la faŝismo fariĝis ĉefaj elementoj de la politika agado de la laboristaj esperantistoj. Jam la Internacia Asocio Paco Libereco", 1906 fondita en Parizo, havis kiel celoj en sia programo i. a. — batali kontraŭ la armeo, la militarismo kaj kapitalismo, — disvastigi kontraŭmilitarismajn ideojn inter la esperantistoj. Ankaŭ en Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), fondita 1921 en Praha, la tiam ĉefa internacia proleta Esperanto-organizaĵo, estis forta kontraŭmilita tendenco, kiu ekzistas ĝis hodiaŭ, malgraŭ interpretoj pri la militkaŭzoj, pri kiuj ofte valoras diskuti. En „Sennaciulo" en la gazetara servo de SAT, kiun dum certa tempo gvidis Otto BÄSSLER el Leipzig, oni trovis multan materialon kontraŭ la militarismo kaj faŝismo. Kiam 1932 en Berlin fondiĝis la Internacio de Proleta Esperantistaro (IPE), KISSLER faris la ĉefan referaĵon pri la temo „La rolo de Esperanto kontraŭ kapitalismo kaj imperialisma milito".

En la celadoj de IPE oni konsekvence trovis la du komponentojn intime ligitajn: **klasbatalo kontraŭ la kapitalismo kaj batalo kontraŭ milito,** ĉe kiu la lasta dominis antaŭ la potencakiro de la faŝismo.

Kiam 1933 Hitler uzurpis la potencon en Germanio oni ankoraŭ legas en la kajero de Proleta Esperanto Korespondo (PEK) 3/1933 **„Baldaŭ eksplodos la imperiisma milito. Formu unuecfronton!"** IPE, malgraŭ la detruo de ĝia ĉefa sidejo en Berlin, ankoraŭ provis aktivadi dum la 30-aj jaroj. En la jaro 1935 la organizo aliĝis al la „Monda Komitato kontraŭ faŝismo kaj milito". Klopodoj reunuigi SAT kaj IPE dum la tridekaj jaroj, por formi la necesan

unuecfronton, ne sukcesis. Tamen SAT-anoj kaj IPE-anoj, malgraŭ diversaj ideologiaj konceptoj, en unuopaj landoj kaj grupoj kunlaboris.

## 6. MEM

Post la dua mondmilito, aparte dum la periodo de la „malvarma milito", progresemaj esperantistoj fondis 1953 en St. Pölten (Aŭstrio) Mondpacan Esperantistan Movadon (MEM). MEM estas daŭriganto de la porpacaj tradicioj de la burĝa humanisma esperantista pacmovado same kiel ankaŭ de la antifaŝismaj kaj antimilitarismaj celadoj de la laborista Esperanto-movado.
1983 MEM povis festi jubileon de la 30-jara ekzisto. La ŝarĝita internacia situacio necesigas pluan ekziston kaj eĉ pli aktivan agadon de MEM. Ĉirilate unu el ĝiaj ĉefaj internaj taskoj estas atingi pli fortan kunlaboron kun plej diversideologiaj porpacaj fortoj kaj samtempe la enhejmigon de ankoraŭ pli larĝaj tavoloj de la Esperanto-movado en MEM. Por povi bone solvi tiun taskon, necesas konscio pri la tradicioj de la pacidea komponento en la Esperanto-movado. La studo celis iom atingi pri tio kaj esperas, ke troviĝos esplorantoj, kiuj pli detale kaj pli sisteme povus trakti tiun gravan temon.

## 7. Notoj

1) de MOTT (1955): Comenius and the Real Character in England. En: Publications of Modern Language Association of America. Vol. 70, p. 1073
2) POMPIATI, K. (1918): Die neue Weltsprache: Nov Latin Logui. Wien, p. III
3) Laŭ RÁTKAI, Á. (1978): La internacilingva movado kiel kreinto de la Internacia Lingvo. En: BLANKE, D. (1978, Red.): Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado, Budapest, p. 166 — 181. La citaĵo en germana originalo troviĝas sur p. 178, en Esperanta traduko sur p. 169/170.
4) ZAMENHOF, L. L. (1929): Originala Verkaro. Eld. de J. Dietterle. Leipzig (Hirt), p. 418, (OV)
5) OV, p. 357
6) Kp. ARNOLD, H. (1911): Esperanto und die Friedensbewegung. En: Das Esperanto, ein Kulturfaktor. N-ro 1. Festschrift anläßlich des 6. Deutschen Esperanto-Kongresses in Lübeck. Lübeck 1911, p. 131 — 135
7) „der esperantist", 6/1977, p. 13
8) Kp. LINS, U. (1972): Panteono de TEJO 5: Alfred Hermann Frid. En: Kontakto, **9**, 3/1972, p. 17 — 18
9) GACOND, C. (1982): Koncerne la konflikton paco-milito neŭtraleco ne eblas laŭ Hector Hodler. En: Monata Cirkulero de Kultura Centro Esperantista, La Chaux-de-Fonds, n-ro 138 (majo 1982), p. 1
10) Heroldo de Esperanto, n-ro 18/1969, p. 3
11) Por tiu ĉapitro komparu la materialon en: BLANKE, D. (1978, Red.): Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado, Budapest, kaj la tie indikitan literaturon.

---

**Libreto pri Esperanto el Sovetunio**
**M. I. Isaev: Jazyk Esperanto. Nauka, Moskva 1981, 86 p. 142 x 214 mm, 60 kopekoj.**

En la prestiĝa kaj tradicia serio „Lingvoj de la popoloj de Azio kaj Afriko" aperis en la moskva eldonejo Nauka (Scienco) libreto pri Esperanto de la konata sovetia interlingvisto, prezedanto de la Asocio de Sovetiaj Esperantistoj, prof. d-ro Magomet Ismailoviĉ Isaev. La serio fondiĝis 1959 de prof. G. P. Serdjuĉenko kaj entute jam enhavas 115 kajerojn. Ke eblis enmeti en la serion la neazian kaj neafrikan lingvon Esperanto sendube estas grava prestiĝa fakto. Kaj se oni volas, Esperanto sendube havas strukturajn trajtojn troveblajn en aziaj kaj afrikaj lingvoj. La libreto donas koncizan superrigardon pri la evoluo de la ideo pri internacia lingvo (p. 11 — 14) kaj elstarigas la evoluon de la Esperanto-movado en internacia skalo kaj en Sovetunio (p. 15 — 23). Sekvas detala tradicigramatika karakterizo de Esperanto kun la partoj fonetiko, leksiko, frazeologio, morfologio, vortospecoj, vortfarado, sintakso. La apendico enhavas tabelojn pri internaciaj kaj naciaj Esperanto-organizaĵoj, listigas ĉiujn UEA-kongresojn ĝis 1981 kaj prezentas kelkajn gravajn priesperantajn rezoluciojn (MEM — Monda Packonsilantaro; UNESKO 1954). Krome oni trovas liston de la sovetiaj eldonaĵoj en Esperanto 1963 — 1978, opiniesprimojn de eminentuloj pri Esperanto, literaturajn tekstojn kaj malgrandan Esperanto-rusan vortareton. Tre nekompleta bibliografio, nepre plibonigenda kaj senerarigenda, rondigas la tuton. La verketo estas tre utila superrigardo pri Esperanto, ĝia strukturo kaj movado.
Estus konsilinde, ke similaj verkoj en sciencaj serioj aperu en multaj naciaj lingvoj. D. Blanke



# Renkontiĝo kun Grigorij Demidjuk

Konanto de la historio de Sovetrespublikara Esperantista Unuiĝo (SEU) scias, ke aparte du homoj tre grave stampis la profilon de la sovetia movado tiutempe, Ernest K. Drezen kaj Grigorij Demidjuk. Drezen kiel ĝenerala sekretario de SEU estis la spirita kaj scienca kapo de la organizaĵo kaj Demidjuk la organiza sekretario, redaktoro kaj tradukisto. Mi jam longe sciis, ke Grigorij Demidjuk ankoraŭ vivas en Moskvo, ke li havis kontakton kun kelkaj veteranoj kiel Otto Bäßler (jam mortinta 1981) sed ne tro ofte aperas en Esperanto-movadaj rondoj. Tamen mi esperis, sed mem ne tro kredis, ke iam mi havos la feliĉon persone konatiĝi kun tiu homo, kiu tre grave kunanimis SEU-n de la 20aj kaj 30aj jaroj. Kaj jen, kia kortuŝa momento por mi, kiam la 28an de aprilo 1982 en iu moskva apartemento — en ĉeesto de S. N. Podkaminer kaj A. Ĝonĉarov — mi povis manpremi tiun homon, kiu nun — post la bedaŭra forpaso de S. N. Podkaminer — estas la sola postrestulo el la eminenta gvidgrupo de la iama SEU. 87-jara altstatura kun viglaj okuloj Demidjuk forte impresis min. Homo tute aktiva, ankoraŭ laboranta, realigante multajn taskojn sciencajn (li estas inĝeniero kaj verkis faklibrojn) kaj havanta novajn planojn. Nekredeble! Kaj kia memorkapablo! Post starigo de kelkaj demandoj kaj prezento de la intervjuoskizo, li kun iom mallaŭta voĉo sed firme kaj sisteme rakontis pri SEU, pri sia agado, rememoris pri SAT kaj ties kongresoj, pri eminentaj sovetiaj esperantistoj kiel Nekrasov, Bokarev, Miĥalski, Rublov, Edelmann, Varankin (kp. „der esperantist" 113/114) sed ankaŭ pri Lanti, Barthelmes, Richter kaj aliaj. Grigorij Demidjuk naskiĝis en Moskvo la 28an de januaro 1895 (laŭ la gregora kalendaro: 9an de februaro).

Grigorij Demidjuk studis Esperanton en la jaro 1909, sed varbiĝis por aktiva Esperanto-agado en la jaro 1921 post reveno de la batalo kontraŭ la eksterlandaj invadintoj, kiuj volis sufoki la oktobran revolucion. Ekde 1922 Demidjuk kunredaktis kun Nekrasov la faman revuon „La Nova Epoko", kiu 1923 kuniĝis kun Sennacieca Revuo kiel eldonaĵo de SAT. (Kiel redaktoroj oni indikis por la fako literaturo N. Nekrasov, por la fako pedagogio la francan M. Boubou kaj por la fako scienc-tekniko G. Demidjuk.

Ekde 1923 li fariĝis organiza sekretario de SEU kaj aparte okupiĝis pri ties eldona agado, i. a. publikigante la „Komunistan Bibliotekon", serion de maldikaj verkoj kun tradukoj de materialoj el la plumoj de Lenin, Stalin kaj aliaj.

En la jaro 1926 Demidjuk partoprenis la 6an SAT-kongreson en Leningrado kaj i. a. konatiĝis persone kun Walter Kampfrad kaj Otto Bäßler, la du komunistoj-esperantistoj el Leipzig.

Denove en la jaro 1929 li partoprenis SAT-kongreson, ĉi-foje en Germanio,

en Leipzig, kie G. Demidjuk jam vidis kaj sentis la minacon de la faŝismo. Li memoras, ke Leipzig-aj esperantistoj donacis al li trofeon, konkeritan en stratbatalo kontraŭ faŝistoj, nome ŝildon kun la faŝisma insigno (svastiko). Ofte oni trovas la nomon de Grigorij Demidjuk (foje ankaŭ kiel pseŭdonimoj Gedeo, G-em, D. Dem., Godeo, Gedem, Dem. k. a.) sur la paĝoj de laboristmovadaj gazetoj, ĉu kiel tradukinto de literaturaĵoj kaj socipolitikaĵoj, ĉu kiel originala eseisto. (Tre nekompletan bibliografieton de kelkaj verkoj ni donas apendice.)

Ekde 1928, post A. Jodko, li fariĝis la respondeca redaktoro de la tre valora kaj multenhava „Bulteno de CK de SEU".

Kaj kion faris Demidjuk profesie? Li estas min-inĝeniero, profesoro, doktoro de teknikaj sciencoj kaj multe verkis en la rusa lingvo, eĉ hodiaŭ ankoraŭ verkas kaj redaktas teknikajn librojn, ankaŭ tradukojn el fermdaj lingvoj. Lia intereso pri aliaj fakoj de tekniko montriĝas i. a. en la jam 1926 aperinta radio-vortareto Rusa-Esperanta kaj Esperanta-Rusa.

Dum la faŝisma tempo li korespondis kun Walter Kampfrad, la administrinto de EKRELO, laŭ sekreta kodo, uzante la esperantlingvan tradukon de Eŭgeno Onegin. En nia interparolo ni ankaŭ tuŝis alian interesan kaj iom misteran temon. Kiel oni scias, SEU kaj EKRELO planis eldoni 16-voluman verkaron de V. I. Lenin en Esperanto. Bedaŭrinde la verkoj neniam aperis kaj la manuskriptoj estas netroveblaj. Grigorij Demidjuk partoprenis la tradukadon. Sed ankaŭ li nenion scias pri la malaperintaj manuskriptoj. Jam antaŭe li tradukis Lenin-verkojn. Aperis 1926 „Ŝtato kaj revolucio" (SAT, Paris, Leipzig, Moskvo, 1926, 150 paĝoj), kiun represis en la jaro 1967 la japana eldonejo „Pirato" en Oosaka. 1929 aperis en lia traduko „Pri religio" de Lenin.

Multon oni ankoraŭ povus skribi pri tiu memorinda renkontiĝo en Moskvo. La historio sidis ĉe la tablo, S. N. Podkaminer kaj G. Demidjuk. Mi tiam ne sciis, ke tio estis mia lasta renkontiĝo kun prof. Podkaminer. Ambaŭ havis planojn, ankaŭ por skribi memorojn pri SEU. Unu jam forpasis. Ĉu la alia sukcesos skribi siajn memorojn? Estus trezoro. Kial ajn — la renkontiĝo helpis al mi iom kompreni, kun kia saĝo, sistemo kaj revolucia engaĝiteco siatempe — sub pli komplikaj cirkonstancoj ol hodiaŭ — laboris la ĉefaj aktivuloj en SEU, al kiuj apartenis Grigorij Demidjuk.

## Bibliografieto (nekompleta) de verkoj de Grigorij Demidjuk

**Antaŭrimarko:**

La indikoj fojfoje estas nekompletaj. Ni petas pri kompletigoj (ekz. eldonejo, paĝo-nombro k. s.).


I. **Politikaj tradukaĵoj**

1. Komunista movado. Historia skizo. Trad. G. Demidjuk, 1923
2. V. Lenin (V. Uljanov): Ŝtato kaj Revolucio. Sennacieca Asocio Tutmonda. Paris, Leipzig, Moskvo, 1926. Laŭ la 2-a ruslingva eldono trad. G. Demidjuk, 150 p.
3. Lenin, V. I.: Pri religio. Trad. G. Demidjuk, 1929
4. Stalin, J. V.: Kulturo nacia kaj internacia. Leipzig, 1930 (EKRELO). Trad. G. Demidjuk
5. Arto de revolucio kaj socialisma arto. Trad. G. Demidjuk. En: Sennacieca Revuo, I (III), n-ro 3/11, decembro 1923, p. 49 — 50

II. **Beletraj tradukaĵoj**

6. Erenburg, Elio: La mastrumo de sinjoro Cool. Trad. G. Demidjuk. En: Sennacieca Revuo I (III), n-ro 1 (9), oktobro 1923, p. 2 — 8
7. Erenburg, Elio: La pipo de paco. Trad. G. Demidjuk. En: Sennacieca Revuo, I (III), n-ro 11 — 12 (19 — 20), aŭgusto-septembro 1924, p. 182 — 185
8. Gorkij, M.: Popolo kaj la milito. Notoj el taglibro. Trad. G. Demidjuk. En: Sennacieca Revuo, I (III), n-ro 11 — 12 (19 — 20), aŭgusto-septembro 1924, p. 193 — 194
9. Erenburg, Elio: Kafejo „La borso". Trad. Godeo (= G. Demidjuk). En: Sennacieca Revuo, novembro 1925, p. 21 — 27
10. Pinkeviĉ, A.: La granda edukisto. Trad. G. Demidjuk. En: Sennacieca Revuo, IV/VIII, n-ro 6 — 7 (42 — 43), marto-aprilo 1927, p. 110 — 112
11. Gorkij, M.: Tunelo. Trad. G. Demidjuk. En: Sennacieca Revuo, VI (X), 1928-1929, p. 65 — 68

III. **Literaturaj originalaĵoj**

12. Demidjuk, G.: Sejfullina. En: Sennacieca Revuo, I (III), n-ro 9 (17), junio 1924, p. 148 — 149 (originalaĵo)

IV. **Teknikaj temoj**

13. Radio-Esperanto, kun Esperanto-rusa vortareto, 1926
14. Demidjuk, G.: Iom pri glavoj kaj plugiloj. Teknikema Konversacio. En: Sennacieca Revuo, novembro 1925, p. 35 — 38

V. **Primovadaj temoj**

15. Demidjuk, G.: Kakaja mne pol'za ot Esperanto. (Kian utilon mi akiros per Esperanto). En: Sovetskij Esperantist, n-ro 3 — 4 (19 — 20), 1925
16. Demidjuk, G.: Naš sjezd. (Nia kongreso). En: Sovetskij Esperantist, n-ro 9 — 10 (15 — 26), 1925
17. Demidjuk, G.: Druzja i protivniki o meždunarodnom jazyke. (Amikoj kaj kontraŭuloj pri la lingvo internacia). En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 1, 1925
18. Demidjuk, G.: Pervoe oznakomlenie radioljubitelej s Esperanto. (Unua konatiĝo de radioamatoroj kun Esperanto). En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 8, 1925, p. 10 — 18
19. Demidjuk, G.: Sredi trjoch sosen na puti k meždunarodnomu jazyku. (Inter tri pinarboj survoje al la lingvo internacia). En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 9 (35), 1925, p. 4 — 6
20. Demidjuk, G.: Dviženie za meždunarodnyj jazyk. Na putjach k meždunarodnomu jazyku.. (Movado por internacia lingvo. Survoje al internacia lingvo). Moskva-Leningrad, 1926
21. Demidjuk, G.: Pod znakom Edinburga i Leningrada. (Sub la signo de Edinburgo kaj Leningrado). En: Izvestija CK SESR, 1926 — 27, n-ro 1 — 2, p. 5 — 9; n-ro 3 — 4, p. 88 — 94
22. Demidjuk, G.: Na putjach k Leningradu. Leningradskie itogi. (Proksimiĝante al Leningrado. Leningradaj rezultoj.) En: Izvestija CK SESR, n-ro 3 — 4, 1927
23. Demidjuk, G.: Po povodu toj že ankety. (Rilate al la sama enketo.) En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 9, 1926, p. 8 — 9
24. Demidjuk, G.: Raboče-krest'janskie radioljubiteli za Esperanto. (Laboristaj kaj kamparanaj radio-amatoroj por Esperanto.) (Moskvo, 1926?)
25. Demidjuk, G.: Saluton al la III-a SEU-kongreso! Saluton al la VI-a SAT-kongreso. En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 20 — 22, 1926
26. Demidjuk, G.: Agitacionno-propagandistskaja rabota. Tezisy doklada na III sjezde SESR. (Agit-propaganda agado. Tezoj de raporto ĉe la III-a SEU-kongreso). En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 20 — 22, 1926
27. Demidjuk, G.: Posle sjezda. (Post la kongreso.) En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 23, 1926
28. Demidjuk, G.: Evoluo de la interna ideo. En: Kvardek jaroj. Kolekto de originalaj verketoj dediĉitaj al la 40-jara jubileo de Esperanto. Paris-Leipzig-Moskvo (SAT), 1927, p. 22 — 27
29. Demidjuk, G.: Neprav li? Kogda i kak organizovat' jačejku. (Ĉu neprava? Kiam kaj kiel oni organizu Esperanto-ĉelon). En: Bjulleten' CK SESR, n-ro 9 — 10, 1927
30. Demidjuk, G.: Sur la organiza vojo. En: Bjulleten' CK SESR, n-ro 11 — 12, 1927
31. Demidjuk, G.: Profsojuzy i Esperanto. (Sindikatoj kaj Esperanto.) En: Izvestija CK SESR, n-ro 3 — 4, 1928, p. 3 — 4, 98 — 103
32. Demidjuk, G.: Upražnenija k samoučitelju jazyka Esperanto. (Ekzercoj por lernolibro de memstara studado de Esperanto.) En: Izvestija CK SESR, 1928, n-ro 1 — 2, p. 61 — 63, n-ro 3 — 4, p. 143 — 146, n-ro 5 — 6, p. 216 — 220, n-ro 7 — 8, p. 287 — 290
33. Demidjuk, G.: Pod natiskom molodnjaka. (Sub la atako de junularo.) En: Izvestija CK SESR, n-ro 5 — 6, 1928, p. 165 — 171
34. Demidjuk, G.: Na putjach k priznaniju. (Survoje al la agnosko.) En: Izvestija CK SESR, n-ro 7 — 8, 1928, p. 235 — 237
35. Demidjuk, G.: „Esperanto — vovse ne jazyk". („Esperanto ne estas lingvo") En: Izvestija CS SESR, n-ro 11 — 12, 1928, p. 330 — 333
36. GEDem (=G. Demidjuk): Pogibajuščie i ich spasateli. (La perantoj kaj iliaj savantoj.) En: Izvestija CK SESR, n-ro 3 — 4, 1928, p. 106 — 112 (Pri la disfalo de Ido-movado)
37. Demidjuk, G.: „Izvestija CIK" otmečajut naši dostiženija. („Informoj de CEK" notas niajn atingojn.) En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 7 (43), 1928
38. Demidjuk, G.: Esperanto i kampanija za inostrannye jazyki. (Esperanto kaj kampanjo por studado de alilandaj lingvoj.) En: Izvestija CK SESR, n-ro 7 — 8, 1928, p. 291 — 294
39. Gedem (= G. Demidjuk), Nekrasov, N.: Sovremennoe Ido-dviženie. (La nuntempa Ido-movado.) Moskva, 1928 (CK SESR)
40. Demidjuk, G.: My ne boremsja protiv Esperanto. (Ni ne batalas kontraŭ Esperanto.) En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 2, 1929, p. 96 — 102
42. Demidjuk, G.: A vsjo-taki šag k priznaniju Esperanto. (Kaj tamen paŝo al agnosko de Esperanto.) En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 1, 1930, p. 47 — 48
43. Demidjuk, G.: O kul'turnoj revoljucii, VCSPS kaj Esperanto. (Pri kultur-revolucio, Tutsovetia centra soveto de profesiaj unioj kaj Esperanto.) En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 1, 1930, p. 49 — 52
44. Demidjuk, G.: Ne kontraŭ, sed jam por Esperanto. En: Sennaciulo, 6, 1930, n-ro 286, p. 296 — 297 (Krupskaja pri Esperanto)
45. Demidjuk, G.: Etapy razvitija sovetskogo esperanto-dviženija. (Etapoj de la evoluo de Sovetia Esperanto-movado.) En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 9 — 10, 1932, p. 272 — 277
46. Demidjuk, G.: Buržuaznoe esperanto-dviženie za 15 let. (La burĝa Esperanto-movado dum 15 jaroj.) En: Meždunarodnyj jazyk, n-ro 9 — 10, 1932, p. 280 — 282

(La numerojn 1, 3, 4, 13 mi ne vidis, precizigaj indikoj estas bonvenaj.)

Detlev Blanke

## Mit gesellschaftlichem Partner

Die Esperanto-Gruppe Prenzlau suchte nach weiteren Möglichkeiten, ihre gesellschaftliche Arbeit wirksamer zu gestalten und die Zusammenarbeit mit gesellschaftlichen Institutionen zu verbessern. Dazu wurden mit den Leitungen des Kreiskulturhauses und des Jugendklubs des Kreiskulturhauses Informationsgespräche geführt über die Mittel und Möglichkeiten, die Esperanto für die Bereicherung der Kulturarbeit bietet.

Im Ergebnis dieser Gespräche wurde am 16. Dezember 1982 eine Vereinbarung zwischen der Leitung des Kreiskulturhauses und dem Kreisvorstand des Esperanto-Verbandes unterzeichnet.

Das Kreiskulturhaus übernahm darin u. a. folgende Verpflichtungen:

— Unterstützung des Esperanto-Verbandes bei der Erziehung der Jugendlichen im Geiste des sozialistischen Patriotismus und proletarischen Internationalismus, zur Heimatverbundenheit, zur Pflege der fortschrittlichen Traditionen der nationalen Geschichte, besonders der revolutionären Arbeiterbewegung
— Unentgeltliche Überlassung eines Raumes für die Esperanto-Gruppe
— Überlassung einer Schauvitrine zu Ausstellungszwecken
— Aufnahme von Klubveranstaltungen der Esperanto-Gruppe in den Veranstaltungsplan
— Organisatorische und technische Unterstützung bei der Vorbereitung und Unterstützung von Ausstellungen, Treffen und anderen Veranstaltungen der Esperanto-Gruppe bei langfristiger Planung
— Unentgeltliche Überlassung technischer Hilfsmittel für Unterrichtszwecke und Klubveranstaltungen nach Absprache
— Unterstützung bei der Propagierung des Esperanto, bei der Information über seine Möglichkeiten für die Entwicklung eines vielseitigen kulturellen Lebens, bei der Werbung neuer Interessenten für die Internationale Sprache

Der Kreisvorstand des Esperanto-Verbandes im Kulturbund der DDR übernahm u. a. folgende Verpflichtungen:

— Aktive Teilnahme der Esperanto-Gruppe an gesellschaftlichen Aktivitäen des Kreiskulturhauses im Rahmen der speziellen Aufgabenstellung des Esperanto-Verbandes
— Herstellung von Kontakten zu Klubhäusern in sozialistischen Bruderländern mit Hilfe des Esperanto
— Vermitteln des Erfahrungsaustausches mit sozialistischen Ländern auf dem Gebiete der Jugendklubarbeit
— Übersetzen von Briefen und Arbeitsmaterialien
— Gestalten einer Vitrine mit aktuellem Material über Esperanto unter dem Motto „Klub International"
— Teilnahme an Jugendklubveranstaltungen mit speziellen Beiträgen
— Aufbau einer Esperanto-Kulturgruppe
— Gestalten von Wandzeitungen
— Organisierung der Teilnahme von Jugendklubmitgliedern an Veranstaltungen des Esperanto-Verbandes
— Erteilen von Esperanto-Unterricht

Beide Partner ernannten Verantwortliche zur Koordinierung der Arbeit. Wir ließen in Esperanto-Zeitungen und Zeitschriften einiger sozialistischer Länder eine kurze Notiz erscheinen, in der unser KKH Kontakte suchte zum Zweck des Erfahrungsaustausches auf kulturellem Gebiet.

Wir erhielten dazu bereits Post aus Ungarn, der ČSSR und der UdSSR. Es geht uns bei dieser Vereinbarung mit dem KKH um die effektivere Gestaltung unserer gesellschaftlichen Arbeit als KB-Mitglieder und um die Verbreitung von Kenntnissen über die vielfältigen Möglichkeiten einer interessanten und sinnvollen Freizeitgestaltung mit Hilfe des Esperanto.

Wir traten bereits in Disko-Veranstaltungen des Jugendklubs auf, gestalteten eine große Schauvitrine über die Möglichkeiten, die Esperanto besonders auf dem Gebiete der Touristik bietet. Außerdem werden wir die Möglichkeiten nutzen, in Qualifizierungs-

(Rest auf Seite 9)

# El letero de interbrigadisto

Karaj kamaradoj!

Leginte vian artikolon en n-ro 6/1982 de la revuo „der esperantist" pri la mortigita k-do Boubou el Francio mi volas aldoni jenan kompletigon:

Same kiel kelkaj esperantistoj el Aŭstrio, ni vojaĝis 1936 al Hispanio kaj batalis en la Internacia Brigadoj. En Valencio aperis regula revuo en Esperanto „Popola Fronto", kaj la „Informa Bulteno de CNT-FAJ" (anarkista E-revuo). Ambaŭ aperis regule ĝis la pereo de la hispana respubliko. Ni mem estis aktiva kunlaboranto de „Popola Fronto" kaj ankaŭ abonanto de la „Informa Bulteno de CNT-FAJ". Ambaŭ organoj estis senditaj al aktivaj esperantistoj el diversaj landoj, kiuj tradukis la interesajn artikolojn nacilingven por la progresema gazetaro en ĉiuj partoj de la mondo. Tre aktive estis la nederlandaj antifaŝistaj esp-istoj. Ili represis la tutan enhavon de „Popola Fronto" en la nederlanda lingvo kaj eĉ kopiis la originalan kapon de tiu revuo.

En Albacete estis la Centro de la Internaciaj Brigadoj, kaj tie formiĝis esp-ista informejo, gvidata de la respublika generalo Julio Mangada kaj Ludoviko Renn. Venis volontuloj el 54 diversaj nacioj. Ili ĉiuj skribis al siaj familianoj kaj amikoj. En ĉiuj militoj estas cenzuro. Oni bezonis por tiu laboro ankaŭ multlingvajn kamaradojn por cenzuri la korespondadon. Kompreneble ankaŭ esp-istoj korespondis en E-o, kies leteroj trapasis la cenzuron. Ni, la batalintaj esperantistoj ankaŭ havis kontakton kun k-doj el Ostrava (ĈSSR). Ni sendis al ili afiŝojn, antifaŝismajn poŝtkartojn, propagandilojn kaj leterojn. Ankoraŭ hodiaŭ vivas tie la k-do A. Liberda (Ostrava, Klostermanova 22), kiu posedas materialon kaj kiu sendis al mi kopiojn de la de mi sendita materialo. Tre bonan kontakton ni havis kun la franca FET (Federation esperantiste du Travail) pere de k-dino Marcelle Robineau. Kiam la respubliko perdis la batalon, preskaŭ unu miliono da homoj fuĝis al franca teritorio. La „Internaciuloj" estis koncentrigitaj en la franca koncentrejo de St.-Cyprien kaj poste en Gurs. Tie ni fondis E-grupon kun 49 esperantistoj el diversaj landoj. Ni aranĝis en la koncentrejo kvar E-kursojn. Pere de k-dino Marcelle Robineau ni trovis kontakton kun la k-doj M. Boubou kaj Bourguignon. Ambaŭ daŭrigis post 1933 la IPE-laboron en Francio. Ambaŭ eldonis denove la jam kelkfoje malpermesitan „Internaciisto"-n. La franca FET-organizo sendis al ni en la koncentrejon, kajerojn, paperon, krajonojn por la kursoj. Krome poŝtmarkojn, por ke ni povu korespondi kun familianoj kaj amikoj. Ili sendis pakaĵojn kun nutraĵoj k.t.p. Ni ankaŭ ricevis la organojn de SAT, „Sennaciulo" kaj „Sennacieca revuo". Bedaŭrinde tiuj organoj malfavore skribis pri la Internaciaj Brigadoj, dirante, ke ili estis senlaboruloj, aventuruloj, drinkuloj kaj sentaŭguloj. La 49 esperantistoj de la I. B. en la koncentrejo kunvokis kunvenon, kaj ni sendis protestan leteron al la redakcio de „Sennaciulo" kaj „Sennacieca Revuo". Tiun protestan leteron ni sendis ankaŭ al k-doj Boubou kaj Bourguignon, kiuj publikigis tiun leteron en „Internaciisto". Eble vi posedas tiajn numerojn de la jaro 1939. Tiam „Internaciisto" estis presita kun verda koloro. SAT respondis al nia letero, sed mi ne plu rememoras pri la enhavo.

Venis la dua mondmilito kaj ni perdis la kontakton kun k-doj Boubou kaj Bourguignon. Ni ŝanĝis la koncentrejon de Gurs kaj venis al la kastela karcero Mont-Luis. De tie la Petain-registaro de Vichy transdonis nin al la germana Gestapo kiu transportis nin al koncentrejo de Dachau, kie ni restis ĝis la fino de la milito.

Perskaŭ du jarojn ni restis en Gurs kaj la k-doj B. kaj B. intencis publikigi E-libron pri la hispana civila milito kaj petis pri nia subteno. Nia grupo entuziasme akceptis tiun laboron. Ni interkonsentis, ke ĉiu materialo estu destinita kaj sendita al k-do Bourguignon kiu loĝis en la Provinco de Var. K-do Boubou loĝis en Orleans. Dum mallonga tempo ni skribis pli ol 300 artikolojn, travivaĵojn, epizodojn pri la politika evoluo ekde la revolucio en julio 1936. Ni aldonis pli ol 160 fotojn de la milito kaj k-do Franz Jaritsch (aŭstro) desegnis imponajn desegnaĵojn por la estonta libro.

Tre aktivaj raportistoj estis la k-doj Karpati (Rumanio), Gržina (Jugoslavio), Schmickl (Aŭstrio), Mesarosz (Hungario), Benetetto (Italio) kaj Wieczorek el Polio. — K-do Bourguignon konfirmis al mi la ricevon de la tuta materialo. K-do Boubou redaktis denove la tutan materialon kaj transdonis ĉion al presejo.

Tiam eksplodis la dua mondmilito (septembro 1939) kaj interrompiĝis la tuta kontakto inter ni. Mi venis al Dachau kaj restis tie ĝis la militfino en la jaro 1945. Cirkulis la opinioj, ke k-do Boubou eble ankaŭ estis en Dachau kaj poste en Auschwitz. Eĉ en Dachau ni havis neleĝan E-grupon, al kiu ankaŭ apartenis du francoj. Sed neniu de la du francoj menciis tiujn kamaradojn. Mi eĉ konservis la adreson de Bourguignon kaj post mia reveno al Vieno mi skribis al la edzino de Bourguignon, demandante pri la iam sendita materialo pri la hispana milito, sed ne venis respondo. Tio okazis 1946.

Tio estas mia kompletigo pri la artikolo en „der esperantist". Salutas vin kore, via Francisko Haiderer, Selma-Lagerlöfgasse 23/6, A — 1100 — Wien.

(Rest von Seite 8)

veranstaltungen Jugendklubfunktionäre und Dorfklubmitarbeiter über Esperanto zu informieren.

Wir Prenzlauer Esperantisten betrachten den Abschluß und die Verwirklichung dieser Vereinbarung mit dem KKH als einen Beitrag zum Karl-Marx-Jahr 1983.

Edeltraud und Achim Zettier

(Pri kunlaboro de esperantistoj kun lokaj instancoj, aparte kun kulturdomo)

# Laste aperis

**(Tio estas nur bibliografia listo. La libroj, krom kelkaj indikitaj esceptoj, ne estas akireblaj en GDR.)**

— Ĉu vi vidis jam la piedsignon de l'profeto? János Elem. El la hungara trad. Vilmos Benczik. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982, 91 p. Hungara k Esperanto
— Dictionarium museologicum. Germana-Esperanta muzeologia leksikono. Budapest: Buzeumi Restaurátor és Módszertam Központ. 1982. 43 p. Himeo. Proveldono
— Hidraŭlika-sanitara terminaro. Félix Garcia Blázquez. Caracas: la aŭtoro 1982. 46 p. Mimeo. Kvinlingva terminaro (angla, franca, germana, hispana, Esperanto)
— Historio de la lingvo Esperanto: 1887 — 1924. Edmund Privat. Hago: Internacia Esperanto-Instituto, 1982 (fotorepreso) 199 p.
— Internacia Kemio-vortaro. M. Westermayer, Tübingen: La aŭtoro. 1982, 75 p. Mimeo
— Krestomatio de Esperanta literaturo. Tekstoj, dataro, bibliografio. Vol. II. István Szerdahelyi. Budapest Tankönìnkiado. 1981. 326 p. Mimeo. Universitata lernolibro
— Lappar, la antikristo. Originalaj noveloj. Endre Tóth. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982, 139 z.
— Makedona antologio. Elektis Koce Solunski kaj Metodi Galeski. Red. M. Galeski. Prilep: Esperanto-Societo. 1981, 154 p.
— La Medicino dum 1300-jara historio de Bulgario. Red. K. Popov kaj M. Apostolov. Sofia: Bulgara Esperanto-Asocio. 96 p. Mimeo
— Metodiko en la praktiko. Red. Zsuzsa Barcsay, Paderborn/Budapest: Esperanto-Centro Paderborn, Hungara Esperanto-Asocio. 1982. (konkribuoj de i. a. Ragnarsson, Bormann, Szerdahelyi, Dahlenburg, Piron)
— Metodologio de lingvoinstruado kaj parolalproprigo. István Szerdahelyi. Budapest: Tankönyvkiado. 1981 (represo de 1975) 326 p. Mimeo. Univ. lernolibro.
— Schleyer: Johann Martin Schleyer (1831 — 1912), aŭtoro de la planlingvo Volapük. Festprelego okaze de lia 150a naskiĝtago. Reinhard Haupenthal. Saarbrücken. A. E. Iltis, 1983, 35 p. Mimeo
— La sentimulo. J. F. Cooper. Reverkis Roger Imbert en facila Esperanto kun 450 radikoj plej ofte uzataj en Esperanto. Zagreb. Internacia Kultura Servo, 1982, 69 p.
— Ses esplorcentroj pri interlingvoj. Cornelius J. Mckown. Rotterdam: UEA, 1981, Esperanto-Dokumentoj E 15.
— Sferoj — 1. Sciencfikcio kaj fantasto. Div. aŭtoroj. Kompilis M. Gutierrrez Aduris. Zaragoza: Eldona Fako de HEF. 1982, 131 p.
— Sur la du frontoj, kontribuo al la historio de la ĉeĥa klasbatala Esperanto-movado. Kompilis J. Klement k. a. Prago: Ĉeĥa Esperanto-Asocio. 1981, 31 p. Havebla ĉe GDREA (2 m).
— Trans la son-izolan muron. Pri kontaktoj kun surduloj. Div. aŭtoroj. El la nederlanda. Antverpeno: Flandra Esperanto-Ligo, 1981. 36 p.
— Verkoj de Verda Majo. Verda Majo (pseŭd. de japana revoluciulino Tero Hasegawa). Pekino: Ĉina Esperanto-Eldonejo 1982, 501 p.
— 111 fabloj de I. A. Krilov. El la rusa trad. Sergej Rublov. Budapest: HEA. 133 p. ISBN 963 571 0437 (Havebla ĉe: Haus der Ungarischen Kultur, Berlin)
— Current work in the linguistics of Esperanto. R. E. Wood Rotterdam: UEA: 1982. 47 p. Esperanto-Documents Nr. 28
— Ĉu ni kunvenis vane? Johán Valano. Antverpeno/La Laguna: TK/Stafeto 1982, 180 p. Romano. ISBN 906 336 0231.
— Georgio Dimitrov. Konciza Biografio. Petra Radenkova. El la bulgara trad. Nikola Aleksiev. Sofia: Sofia-Press. 1982. 68 p.
— Esperanta-medicina terminaro. Josef Hradil. Praha: Ĉeĥa Esperanto-Asocio 1982. 63 p. (Havebla ĉe GDREA, 10 m.)
— Esperanto and literary translation. H. Tonkin kaj T. Hoeksema. Rotterdam: UEA 1982, 36 p. Esperanto-Documents Nr. 29
— Esperanto: Eŭropean or Asiatic Language? Claude Piron. Rotterdam 1981, 31 p. ISSN 0165—2575. Esperanto-Documents Nr. 22
— La Fontoj de Esperanto. D. E. Gregor. Glasgow: Karelo 1982, 32 p. ISBN 090 514 9181
— Esperanto in Theorie und Praxis. Div. aŭtoroj. Augsburg: Deutsches Esperanto-Institut, 1982, 44 p. 7 seminariaj prelegoj
— Funktion und Kultur des Esperanto. Werner Bormann, Deutscher Esperanto-Bund, 1982, 32 p.
— Kolekto de la referajoj de la Internacia seminario pri apliko de Esperanto en scienco kaj tekniko 1982. 1. Energio — la tutmonda problemo, 2. Problemoj de la fakaj lingvoj kaj traduko. Pluraj aŭtoroj. Red. V. Novobilský kaj Z. Pluhař. Praha: ĈEA 1982, 94 p.
— Komunlingvaj nomoj de plantoj de nord-okcidenta Eŭropo. Provizora privata listo. Wouter F. Pilger. Lelystad: Vulpo. 1982, 72 p. ISBN 90 7007 4311. (Latinaj kaj Esperantaj nomoj de 2000 plantoj)
— Matematika kaj statistika terminoj en Esperanto. Suplemento al „Plena Ilustrita Vortaro", Olav Reiersöl. Oslo 1982, 33 p., ISBN 825 5304 827
— La Naŭa Kanalo. István Nemere. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982, 104 p. ISBN 963 571 0372. Sciencfikciaj rakontoj. (Havebla ĉe Haus der Ungarischen Kultur, Berlin)
— La Vortteorio en Esperanto. René Saussure. Saarbrücken. Artur E. Iltis, 1982 (represo de la eldono 1914) 90 p.
— „Jen nia mondo". Duo Esperanto kantas el Deplan kaj Seeger. Kasedo kun kantoteksto.
— Estona panoramo. Kompilis Gunnar Paal. Tallinn: Perioodika 1982. 134 p., ilustrita. Havebla ĉe GDREA, 5 m.

— Persa-Esperanta Vortaro. B. Samimy/M. Moŝkeri, Teherano 1981 14 + 736 p. Ĉirkaŭ 40 000 vortoj, idiomajoj kaj proverboj
— Praktika Kurso de Esperanto. Bert de Wit. Vogelenzang. Bond van Arbeiders-Esperantisten F. L. E. 1982. 124 p. ilustrita
— Timur kaj lia taĉmento. A. Gajdar. El la rusa trad. E. S. Pervetajlo kaj R. Grinŝpan. Budapest: HEA 1982, 72 p. Havebla per Hungara Kulturcentro en Berlin (GDR).
— Volapük die Weltsprache (1880). Johann Martin Schleyer (1831 — 1912). Volapük-bibliographien, Reinhard Haupenthal, Hildesheim/Zürich/New York: Georg Olms-Verlag 1982. 136 + 124 p.
— Vortareto kun ekzemploj. Rihaj Nomura. El la japana trad. Kim Pan-sul. Seulo: Korea Esperanto-Asocio 1981, 215 p.
— Ĥristovski: Mia vivo. Trifon Ĥristovski. El la bulgara trad. N. Aleksiev. Sofio. 179 p. Aŭtobiografio.
— Ifigenio en Taŭrido. J. W. v. Goethe. El la germana trad. L. L. Zamenhof. Fotorepreso de la unua eldono 1908. Saarbrücken 1982.
— Interlingvistikaj kontribuajoj/Beiträge zur Interlinguistik. Div. aŭtoroj. Red. Alicja Sakaguchi. Paderborn. Esperanto-Centro 1981, 123 p.
— Jazyk Esperanto. M. I. Isaev. Moskvo, Nauka, 88 p. (ruslingva)
— Komputado — Tematika numero pri tekstoprilaboro. Bruce A. Sherwood kaj aliaj. Red. L. Szabó. Budapest: HEA, 1982, 59 p.
— Lingvokibernetiko/Sprachkybernetik. Div. aŭtoroj. Kompilis H. Frank/Yashovordhan/B. Frank-Böhringer. Tübingen. Gunter Narr Verlag. 1982, 190 p. Esperantlingvaj tekstoj de aktoj de la 9a Internacia Kongreso de Kibernetiko.
— Listo de mallongigoj. Reinhard Haupenthal. Saarbrücken 1982, 16 p. Provo ordigi kaj normigi la plej oftajn esperantologiajn kaj movadajn mallongigojn.
— Originala romanaro en Esperanto. 62 romanoj dum 75 jaroj. Ergoto de Bonaero. Buenos Aires: Argentina Esperanto-Instituto 1982, 40 p.
— Senlegenda biografio de L. L. Zamenhof. Ludovikito. Tokio. 1982. 303 p. Iam kompletigota verkaro de L. L. Zamenhof. Kromkajero n-ro 1
— Blanka sablo. Diversaj aŭtoroj. El la vjetnama trad. Nguyen Minh Kinh kaj Dang Dinh Dam, Hanojo. Fremdlingva Eldonejo 1981, 55 p. Havebla ĉe GDREA, 1 m.
— El Esperanto, Pierre Janton. El franca trad. Damia de Bas, 1976, 143 p.
— The Esperanto-Movement. Peter G. Forster, Den Haag/Paris/New York: Mouton Publisher's 1982. 413 + 14 p. Contributions to the Sociology of language, n-ro 32. Ĝis nun plej ampleksa anglalingva studo pri Esperanto.
— „Hai Son"-Floroj. Dang A. k. a. El la vjetnama trad. Minh Kinh, Hanojo. Fremdlingva Eldonejo 1981, 71 p. Havebla ĉe GDREA, 1 m.
— Hieraŭ — hodiaŭ — morgaŭ. Noveloj de Bernhard Golden, Antverpeno/La Laguna: TK STAFETO 1982. 96 p. Originalaj rakontoj.
— Kiu estas kiu en scienco kaj tekniko 1981. Kompilis Christian Darbellay. Neuss, 1981, 275 p. Biografiaj kaj bibliografiaj informoj pri 225 sciencistoj kaj teknikistoj, kiuj uzas Esperanton. Plej ofte kun fotoj kaj adresoj.
— Liberté ou autorité dans l'evolution de 'espéranto. Francois Lo Jacomo, aPrizo. 1981, 384 paĝa doktoriga disertacio.
— Miriadoj da lumoj. Diversaj aŭtoroj. El la vjetnama trad. Nguyen Minh Kinh kaj Dang Dinh Dam. Hanojo. Fremdlingva Eldonejo. 1981, 61 p., Havebla ĉe GDREA, 1 m.
— Misio sen alveno. John Francis. Antverpeno/La Laguna. TK/STAFETO, 1982, 159 p. Originala sciencfikcia romano.
— Proverboj de Marko Zamenhof kaj Lazaro Zamenhof (13155 proverboj). Kompilis Adolf Holzhaus. Helsinki: Fondumo Esperanto 1980, 704 p. Plena kolekto de la Zamenhofa proverbaro, alfabete ordigitaj en Esperanto. franca, germana, pola kaj rusa lingvoj.
— Angla-Esperanta telekomunika vortaro. Christian Bertin. Rennes: Bretagne en Direct-Breizh War-Eeun. 1983. 70 p., ilus. Pli ol 1500 vortoj.
— La aventuroj de Hucklebury Finn. Mark Twain. Laŭ hungarlingva koncizigo trad. Tibor Vaskó. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982, 32 p. Bildstria rakonto. ISBN 963 571 1050.
— La blinda birdo. István Nemere. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1983, 118 p. Socikritika romano. ISBN 963 571 1042.
— El parnaso de popoloj. Antoni Grabowski. Saarbrücken: Artur E. Iltis. 1983, 236 p. Represo. Elstara poemaro el la frua epoko de la Esperanta literaturo.
— Hungara antologio. Kompilis Vilmos Benczik. Budapest: Corvina Kiadó. 1983, 48 p. Pli ol 200 pecoj el la hungara literaturo. ISBN 963 13 16 254.
— Iluzioj. Lorjak (pseud.), Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982, 184 p. Originala novelaro. ISBN 963 571 0828.
— Kleine Grammatik der Schleyerschen Weltsprache Volapük (1900). Jean Baptiste Pinth. Saarbrücken: Artur E. Iltis. 1983. 12 p.
— Konciza katalogo de Esperanto-poŝtmarkoj. Antwerpen: La Verda Stelo 1982 (2-a eldono), 10 p. Listo de aperintaj poŝtmarkoj kun Esperanta temo.
— Konstrui novan ponton. Wan Yun. El la ĉina. Beijing: Ĉina Esperanto-Eldonejo. 1982 (2-a eld.) 37 p. kolorilustrita.
— Korea-Esperanta Vortaro. Hajpin Li. Seoul: Libera Biblioteko. 1983. 478 p. 38 000 kapvortoj.
— La lingva esenco de Esperanto. Atanas D. Atanasov. Rotterdam: UEA, 1983. 175 p. ISBN 929017 0247. Esperantologiaj eseoj popularstilaj.
— Esperanta-rusa vortaro. E. Bokarev. Moskvo. Eldonejo Rusa Lingvo. 2a eldono 1982 (1a aperis 1974). 488 p. Preskaŭ 26 000 vortoj.

— Esperanto in the Modern World/Esperanto en la moderna mondo. Studoj kaj artikoloj pri lingvaj problemoj, la rajto je komunikado kaj la internacia lingvo (1959 — 1982). Kompilis R. kaj V. Eichholz. Bailieboro, Esperanto-Press 1982 (dua pliampleksigita eldono). 600 p. Dulingva eldono (angla, esperanta)
— Esperanto Lingvistik set. John C. Wells. En la danan trad. Preben V. Bagger. Kobenhavn: Gyldendalske Bodhandel Nordisk Forlag 1982. 112 p. Dana traduko de „Lingvistikaj aspektoj de Esperanto".
— Generaciaj aspektoj de la Esperanto-movado. Raporto pri la 67a UK de Esperanto. Rotterdam. UEA 1982, 15 p. Esperanto-Dokumentoj n-ro 17E
— Gramatika demandaro resuma. Kompilis Julio Baghy. Budapest. Hungara Esperanto-Asocio 1982 (4a eldono).
— Kelkaj pensoj pri Esperanto kiel maŝintraduka pontolingvo. W. F. Pilger. Lelystad: Vulpo 1983, 32 p.
— Rakontoj pri Afanti. Ĉinaj popolaj rakontoj. El la ĉina trad. Fan Yuzu. Pekino: Ĉina Esperanto-Eldonejo 1983, 71 p. ilustr.
— Situacio de Esperanto en Slovaka Socialisma Respubliko. Pavel Rosa. Bratislava: Asocio de Slovakaj Esperantistoj 1970, 34 p.
— Batalo de l'vivo, La Charles Dickens. Trad. el la germana traduko L. L. Zamenhof. Saarbrücken: Artur E. Iltis 1982 (4-a eldono), 93 p.
— Baza Literatura Krestomatio. Red. Vílmos Benczik, Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982 (2a eldono), 281 p. ISBN 963 571 095 X. Originalaj verkoj de 59 Esperantaj verkistoj, kronologie aranĝitaj, kun biografiaj notoj pri la aŭtoroj.
— Ĉina Esperanta vortaro. Pekina Esperanto-Asocio. Beijing: Scioj, 1982, 384 p., 14 000 vortoj.
— Dek kvin komedietoj. Robert Mackey, Glasgow. Eldonejo Kardo 1983 (2a eldono). 82 p. Komedietoj por klubvesperoj.
— Du bulgaroj kantas en Esperanto. Gramofondisko sterofonia. Sofia. Balkanton 1982. 33t/m. BOA 10972. Kantas Maria Angelova (soprano) kaj Dimitro Denĉev (tenoro). Dek sep famaj arioj kaj kantoj. Fortepiana akompano de Snejana Barova.
— The educational value of Esperanto study. B. Sherwood. Bailieboro. Esperanto-Press. 1982, 8 p.
— Esperanto aŭtodidakte. Internacia lernolibro de la internacia lingvo/Audrey Childs-Mee, Antverpeno). La Laguna: TK/Stafeto 1983, 194 + 40 p. ilus. de S. Markoviĉ. Rektmetoda lernolibro kun ŝlosilo por la ekzercoj kaj kun indeksoj. Guido Thys, Antwerpen
— Frandis piron. Juhán Valano. Ĝenevo: LF-Kog, 1982. Setrofonia kasedo duflanka, 34-minuta. 13 kantoj. Akompano de G. Molle. k. a.
— Frekvencmorfemaro de parolata Esperanto. Zlatko Tiŝljar, Zagreb: Internacia Kultura Servo. 1981, 41 p. Komputila esploro pri 1343 morfemoj.
— Katoj kaj ĉevaloj. Adalberto Huleŝ. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982, 80 p. ISBN 963 571 100 X. Originalaj poemoj.
— Kion scii por organizi nian movadon? Diskutmaterialo n-ro 2 „Pri la interna ideo" (D. Blanke), Hungara Esperanto-Asocio 1982, 29 p. ISBN 963 571 046.
— Krestomatio de Esperanta literaturo. Tekstoj, dataro, bibliografio, vol. III. Istvan Szerdahelyi, Budapest: Tankönyvkiadó, 1982, 476 p. ilus.
— La lanternisto kaj aliaj noveloj. Div. aŭtoroj. Beijing: Ĉina Esperanto-Eldonejo. 1982, 162 p. Paralela eldono en Esperanto kaj la Ĉina. Brazila, pola, svisa kaj du benggalaj rakontoj.
— Lukto kontraŭ la analfabeteco en Vjetnamio. Hanojo: Fremdlingva Eldonejo. 1981, 45 p.
— Manlibro pri ĵurnalismo. Judith Junger kaj Stefan Maul. Antverpeno/La Laguna: TK/Stafeto 1982. 80 p. ilus. ISBN 906 336 0150.
— Problemy miedzynarodowej komunikacije jezykowej./Problemoj de internacia lingva komunikado. Red. T. Ejsmont, Lodz: Uniwersytet Lódzki, 1982. 286 p. Konferenca materialo kun ampleksaj resumoj en Esperanto.
— La Programlingvo „Pascal". Christian Bertin. Rennes' la aŭtoro. 1982, 72 p.
— La Rozo de l'sultano. Gyula Krúdy. El la hungara trad. István Nagy. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio. 1982, 85 p. ilus. ISBN 963 571 0429. Fabelo.
— Svedaj arboj kaj arbedoj. Propono al vortaro sveda-esperanta-latina, esperanta-sveda-latina. Malte Markheden. Sjöhaga. La aŭtoro. 1982. 31 p.
— Vjetnamio: Kiaj homaj rajtoj? Esperantigis Minh Kinh, Hanojo: Vjetnama Kuriero kaj VPEA. 1981, 145 p.
— Plena Esperanto-persa vortaro. B. Samimy. Teheran 1983. 754 p.
— La transdorsojeto, J. Novák, I. Špiĉka, V. Hník. Praha: 1982. 70 p. Pri judo, kun listo de fakaj terminoj.
— Ukrainaj popolaj fabeloj. El la ukraina trad. N. A. Andrianova. Sofia: BEA. 1983. 77 p. Ilus.
— La valeur culturelle de l'espéranto. D. B. Gregor. Rotterdam: UEA 1983 (3-a eld.) 15 p. Documents sur l'espéranto 13 F ISBN 0156 2621.
— La Verda Koro. Julio Baghy. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio. 1982, 104 p. Facila romaneto el la vivo de esperantistoj por komencantaj kaj daŭrigaj kursoj. Kun sintaksa resumo de K. Kalocsay kaj hungara vortareto.
— Volapük-Litteratur (1888), Saarbrücken: Artur E. Eltis 1983, 10 p. Represo de listo de Volapüka literaturo.

## TRADUK-KONKURSO **TASKO 1/84**

Ankaŭ en tiu ĉi jaro aranĝas la redakcio TRADUK-KONKURSON. Ni esperas, ke ĉi-foje partoprenos ankoraŭ pli multaj ol en la pasinta jaro. En ĉiu numero de „der esperantist" vi trovos taskon por traduki el la germana en Esperanton. Jen bona okazo por ĉiu, kiu volas plibonigi siajn konojn kaj pruvi sian talenton. Partoprenu multnombre!

**Kondiĉoj:**

— Partopreni povas unuopuloj kaj kolektivoj.
— Viaj tardukoj estu maŝinskribitaj sur formato A4 en kvar ekzempleroj.
— La tradukojn sendu al: Dieter Berndt, 1020 Berlin, Berolinastr. 2
— Limdato por la ensendoj estas ĉiam du monatoj post la apero de la unuopaj numeroj.
— Ni distingos per libropremio la plej bonan por ĉiu unuopa tasko kaj ankaŭ tiun por la tuta jaro.

Ni deziras al ĉiuj, kiuj partoprenos, multajn sukcesojn!

**Aufforderung**

Neulich bei einem kleinen Bummel durch unseren Ort zog ein kleines weißes Schildchen an einem Gartenhaus meine Aufmerksamkeit auf sich. Ich ging extra über die Straße darauf zu und las: „Bitte kräftig klingeln!"

Gut, dachte ich, ich tue den Leuten den Gefallen und klingelte. Ich tat es sehr kräftig und wiederholt. Erst nach Minuten öffnete sich ein Fenster und eine rauhe Männerstimme fragte: „Sie wünschen?" — „Nein, Sie wünschen", sagte ich. „Sie wünschen, daß man kräftig klingeln soll. Ich habe Ihnen gerne diese Bitte erfüllt." Es waren keine schönen Worte, die ich jetzt zu hören bekam. Aus Anstandsgründen will ich sie lieber verschweigen.

Bekümmert über diesen Undank ging ich weiter. Wieder entdeckte ich ein Täfelchen. Ich wollte nicht hinsehen, aber mein Blick wurde wie von Magneten angezogen. „Wenn Tür verschlossen, bitte klingeln!" buchstabierte ich. Diesmal war ich vorsichtig. Ich probierte zuvor alle Türen und Tore des Grundstückes, Tatsächlich, sie waren alle vesrchlossen. Eigentlich wollte ich es wirklich nicht tun, aber ich überwand mich und klingelte wieder. Kurz darauf öffnete sich über mir ein Fenster, und jemand flötete herunter: „Bitte?" — „Ich wollte nur sagen, daß alle Türen verschlossen sind", meldete ich. Da wurde die Stimme über mir kreischend, ich hörte das Wort „Polizei" heraus und lief schnell weg.

Ich habe nächtelang über diese Erlebnisse nachgedacht und mir geschworen, in Erfüllung solcher Wünsche künftig vorsichtiger zu sein.

Aber als ich neulich in unsere Poliklinik mußte, verharrte ich doch wieder respektvoll vor dem Schildchen am Eingang: „Bitte Füße abtreten!" Sofort zog ich mir eilfertig Schuhe und Strümpfe aus und trampelte so lange auf der Matte herum, bis mich eine mitleidige Schwester zum Fußarzt brachte, wo ich gar nicht hin wollte. Seitdem beachte ich wirklich keine Schildchen mehr ... (Aus: Tribüne)

**Korekto pri IREBIK'84**

IREBIK'84 (komparu der esperantist 120 (4/1983, p. 95) por GDR-anoj ne kostos 250 sed 350 markojn. Ni petas pardonon pro la erara informo.

## Malferma letero

**al ĉiuj medicinistoj, farmaciistoj, veterinaroj, dentistoj, flegistinoj kaj aliaj sanlaboruloj!**

Esitmata kolegino/kolego!

Ni partoprenantoj de la 4a Internacia Medicina Esperanto-Konferenco (IMEK) en urbo Poprad-Ĉeĥoslovakio turnas nin al vi. Inter 25 kaj 29 de julio 1983 la konferencon ĉeestis 80 gekolegoj el 8 landoj. La ĉeftemoj estis: a) Apliko de Esperanto en medicino en la jaro de Komunikado 1983 b) La problemo de laborhigieno en sanitarejo. Ni memorigas vin, ke la antaŭaj konferencoj okazis en Krakovo-Pollando (1977) en Hódmezövásárhely-Hungarujo (1979), en Ruse-Bulgario (1981). Ni povis konstati, ke la internacia lingvo Esperanto estas tute taŭga por la komunikado, por la interŝanĝo de fakaj spertoj.

En urbo Poprad okazis pluraj fakaj prelegoj el la temo de medicino, bestkuracado kaj stomatologio. Simile, kiel dum pasintaj konferencoj, ankaŭ en Poprad okazis vizito de diversaj medicinaj institucioj.

La sekvonta Internacia Medicinista Esperanto-Konferenco okazos en jaro 1985. En la jaro 1987 ni festas la centjaran jubileon de Esperanto. Ni ĉiuj devas pli aktive agadi per Esperanto. Ni devas varbi novajn membrojn, uzi pli veste la internacian linvon en medicinaj rondoj.

Ni instigas vin, serĉu kontakton kun via loka grupo, kun la Universala Medicina Esperanto-Asocio UMEA, kiu jam havas delegitojn en proksimume 30 landoj. Ni proponas al vi partopreni aktive landajn, kaj internaciajn Esperanto-konferencojn, kongresojn, propagandi nian lingvon kaj movadon inter viaj neesperantistaj gekolegoj, varbi novajn membrojn por la landa sekcio.

Ni deziras inde festi la centjaran jubileon kaj nepre ni bezonas vian pli aktivan kunlaboron por pli fortigi nian asocian kaj nian fakan movadon. Ni, esperantistoj-medicinistoj laboras por efektivigi la celon: Per Esperanto al la sano kaj paco!

Kun kolegaj salutoj je la nomo de la 4a IMEK Paprad, la 29an de julio 1983, Ĉeĥoslovakio

D-ro Imre Ferenczy
D-ro Štefan Grenda
D-ro Josef Hradil

## Novaj libroj el Hungario 6

**(Komparu la ofertojn en „der esperantist" n-roj 97, 98, 105, 110 111, 120)**

— La fermita urbo. István Nemere. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982, 128 p. Scienc-fantasta romano. ISBN 963 571 0755.

— Baza literatura krestomatio, Red. Vilmos Benczik. (2-a eld.). Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982. 281 p. Originalaj verkoj de 59 Esperantaj verkistoj, kronologie aranĝitaj, kun biografiaj notoj prila aŭtoroj. ISBN 963 571 095X

— Kion scii por organizi nian movadon? Diskutmaterialo n-ro 2 (D. Blanke: Pri la „interna ideo" de Esperanto) Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982, 29 p. ISBN 963 571 0461

— Krestomatio de Esperanta literaturo, Tekstoj, dataro, bibliografio. Vol. III. István Szerdahelyi. Budapest: Tankönyvkiado 1982, 476 p. ilus.
István Nagy. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio. 1982, 54 p. ilus. Riĉe ilustrita fabelo.

— Sciencaj komunikajoj 1982. Budapest: Scienca Eldoncentro de UEA 1983, 66 p. ilus. Diverstemaj sciencaj artikoloj pri medicino, arkeologio k. a. HU-ISSN 0 133 1027.

— La Aventuroj de Hucklebury Finn. Mark Twain. Laŭ hungarlingva koncizigo. Bildstria rakonto. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982. 32 p. ISBN 963 571 1050.

— La blinda birdo. István Nemere. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1983. 118 p. Socikritika originala romano. ISBN 963 571 1042.

— Hungara antologio. Kompilis Vilmos Benczik. Budapest: Corvina Kiadó 1983. 448 p. Pli ol 200 pecoj de hungara literaturo en Esperanto-traduko ISBN 963 131 6254.

— Iluzioj. Lorjak (pseŭd.). Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982. 184 p. Originala novelaro kun „franca sprito". ISBN 963 571 0828.

— Ni vivos! Dokumenta dramo pri Lidia Zamenhof. Julian Modest. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1983, 53 p. ISBN 963 571 1193.

— La verda koro. Julio Baghy. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio 1982. 104 p. Nova Eldono de la fama, facila romaneto el la vivo de esperantistoj. Por komencantoj kaj daŭrigaj kursoj, kun sintaksa resumo de K. Kalocsay. ISBN 963 571 1069.

Nutzen Sie die Möglichkeit, wertvolle Esperanto-Literatur zu erwerben! Richten Sie Ihre Bestellungen an das Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9.

### Mikroprocesoro

Mi serĉas informojn pri la mikroprocesoro Zilog Z8 (skemojn, instrukciaron asembleran kaj maŝinkodan, programetojn):

Michael Lennartz, DDR—1720 Ludwigsfelde, Theaterstr. 10, Germana DR

### Por blinduloj

Brajla literaturo: Por la bezonoj de la blindaj esperantistoj en Soveta Unio aperos brajla eldono de Esperanta-rusa vortaro de E. A. Bokarev. Tiu renoma leksikologia verko unue aperis en 1974 (en la eldonkvanto de 40 000 ekzempleroj) kaj represiĝis 1982 (en 100 000 ekzempleroj; havebla ĉe la Libroservo de UEA kontraŭ 15,00 gld). La brajla eldono aperos ĉe la moskva eldonejo „Prosveŝĉenije" (Klerigo), kiu en la lastaj jaroj jam eldonis du aliajn Esperantajn librojn en la brajla skribo.

Claus Zander

**Nokta danco**

„Ni volas eniri! Ni volas eniri! Ni volas eniri!" Fanatike tion kriis la geknaboj en la stelplenan nokton. Dume ili ne demetis la rigardon de la hele lumigitaj fenestroj de la granda domego. „Ĉu vi partoprenas?" tiumomente junulo demandis la knabinon starantan apud li. Post ŝia senkomprena ĉirkaŭrigardo li prenis ŝin je la mano kaj ritme turnadis ŝin tien kaj reen. Tiam finfine ankaŭ ŝi entuziasmiĝis. Ŝia tuta korpo vibradis dum la surmeto de la belaj gamboj. Tuj rondo formiĝis ĉirkaŭ la dancantoj, kaj la fanatikuloj sindone manfrapis laŭ la takto. Kelkfoje iu aŭ alia kriis „Jeh, jeh aŭ knabino diretis, lerte ŝovante flanken la maĉgumon „Elite ‚ĉ'?"
Tiam okazis io neatendita. En la unua etaĝo dum momento la kurteno glitis flanken, kaj mezgranda blondulo platpremis la nazon kontraŭ la vitraĵon. Movo trairis la grupon. Vortoj kiel „Fi, enlasu nin, malicajo, ni volas danci, ni pagas ĉiun prezon" tondris en la malhelon. Tuj la kurteno refalis, kovris la esperigan lumbrilon kaj pikis en kelkajn korojn. Nur malrapide la animoj trankviliĝis. Sed poste dancis ĉiuj kunvenintaj junuloj. Estis sovaĝa, senorda serpentumado, volviĝado sur la malglata vojeto, ke ĉiu rigardanto devis senti ĝojon.
Dum tio seninterrompe la frapinstrumentisto en la domo batis sur la frapinstrumentoj, kaj ankaŭ la ceteraj instrumentoj per iom da fantazio estis aŭdeblaj el la furiozo de la bruaj ritmoj. „Ĉes, ĉes", tiam denove vokis unu el la entuziasmiĝintoj kaj metis fingron vertikale sur la buŝon, „tie malsupre lumo ŝaltiĝis".
„Jeh, jeh", iuj vokis fervore, kaj aliaj maltrankvile demandis: „Ĉu ili nun malfermos finfine?"
Ege streĉite la aro rigide rigardis la gigantan kverkopordon, en kiu ŝlosilo movis pezecan mekanikaĵon. La pordo malfermiĝis pocentimetre, kaj malrapide la blondulo jam konata sin ŝovis eksteren. Fantomeca la afero ŝajnis esti, nun, kiam neniu sono plu eliĝis el la domo.
La viro malfermis la buŝon, kaj tute kviete li diris: „Kredu min, ĉi-tie ne okazas dancado. En la kelo oni forigas muron ... tial la pneŭmatikaj martelo j". Trad. M. Lennartz

Ivan Martjanov

**Trafikpekuloj**

Li haltigis ŝian „Volgo-n", salutis streĉite, eklevis la manon al la viziero kaj postulis ĝentile ŝian konduklicencon.
— „Kial tio?" ŝi demandis sincere mirigite.
— „Vi pekis kontraŭ trafikreguloj."
— „Kial vi scias tion?"
— „Mi ja ekvidis tion per miaj propraj okuloj! Tial bonvolu doni al mi vian konduklicencon!"
— „Kiu do vi estas, por ke mi montru ĝin al vi?"
— „Mi estas trafikmiliciano."
— „Kiel mi eksciu, ĉu tio estas vera?"
— „Sed mi ja portas uniformon."
— „Tio ja signifas nenion. Antaŭ dek jaroj mia amikino koniĝis ankaŭ kun uniformulo ..."
— „Ne parolturnu tiel multe pri tio, havu afablecon por montri al mi vian konduklicencon."
— „Mi nur volis demonstracii al vi, ke ankaŭ ne ĉiam oni povas konfidi al uniformulo."
— „Nu, bone — jen mia dejorlegitimilo."
— „Kial ne tuj? Ho, vi nomiĝas Koŝiŝkin!"
— „Kosiŝkin mi nomiĝas."
— „Ĉu jes? La litero „s" tute aspektas kiel „ŝ". Sekve vi nomiĝas Kosiŝkin. Sed vi tute ne similas la foton. Kio estas la kaŭzo de tio?"
— „Mi ne scias, mi ne portas ĉapon sur la foto."
— „Do — forprenu la ĉapon! Nun, rigardu al mi! Nun jes, iomete vi similas la foton. Kiom da jaroj la foto havas?
— „Proksimume sep jarojn."
— „Vere. En via juneco cetere vi estis pli simpatia ol nun."
— „Fino! Redonu al mi mian legitimilon!"
— „Kial vi estas tiel nervoza? Se ĝi ne estas falsita, tiam vi tute ja ne bezonas esti timema."

# Recencoj

**Mondpaca Esperantista Movado — 30 jara.** Eldonis Hungara MEM-Sekcio, Budapeŝto, 1983. 44 p.

Rigardante la nuntempan internacian situacion ni devas konstati, ke neniam antaŭe la mondo estis en tiel terura danĝero kiel nun. Minacas plej detrua, homarpereiga nuklea milito. Sub tiuj cirkonstancoj la konsciaj kaj pacamaj homoj bezonas ĉiujn fortojn kaj streĉojn por eviti tiun katastrofon. Ĉu ili ekzistas? Jes, ili ekzistas kiel granda kreskanta tutmonda pacmovado, al kiu ankaŭ apartenas pacamaj esperantistoj. Ili ne nur kunbatalas, ĉar ili scias, ke Esperanto kaj la internacilingva movado nur povas evolui en pacaj kondiĉoj, en paca kunekzistado.

30 jaroj MEM, tio estas 30 jara batalo por paco, popolkompreniĝo fare de esperantistoj. Al tiu ĉi temo estas dediĉita la samnoma malgranda broŝuro.

Multaj kompetentuloj de la pacmovado, esperantistaj kaj neesperantistaj, esprimas siajn pensojn kaj sentojn pri estiĝo kaj agado de MEM. Romesh Chandra, prezidanto de la Monda Packonsilio, omaĝas la egan signifon de la firma kontakto inter la Monda Packonsilio kaj MEM kaj la streĉojn de la esperantistoj kune labori kun ĉiuj pacamaj homoj en la mondo por paco, progreso kaj homa digno.

D-ro Imre Pethes, prezidanto de MEM, dankas al la „pioniroj, antaŭuloj, kiuj 1947, dum la 32-a Universala Kongreso, iniciatis la fondiĝon de Esperanto pacmovado kaj partoprenis gravajn aktivecojn kontraŭ milita minaco, precipe kontraŭ atombomba minaco komence de la 50-aj jaroj. Li substrekas, ke la sukceso de la pacbatalo dependis kaj ankaŭ estonte dependos de kunagado de ĉiuj progresemaj kaj pacamaj fortoj-ĉu esperantistaj, ĉu neesperantistaj, sendepende de politikaj, mondkonceptaj aŭ aliaj starpunktoj.

William Gilbert, Ĝenerala sekretario de MEM, i. a. dankas al la ĉeĥoslovakaj kaj hungaraj pacamikoj, ke ili ebligis eldonon de kelkaj altvaloraj gravaj Esperanto-dokumentoj kaj emfazas la necesajn kondiĉojn por efika pacmovado, „serĉi kiu unuigas, eviti kio dividas . . . konkretan kaj konsekvencan pacagadon, tute ne utopian, pacifisman . . ." Nikola Aleksiev aprezas la pacagadon de MEM kaj precipe la pacamikon Rudolf Burda, ĉeĥa esperantisto kaj unua prezidanto de MEM, kiu kuniniciatis la esperantistan porpacan batalon kaj sindone ĝin partoprenis.

La historia skizo pri MEM, ĝia naskiĝo kaj evoluo en kaj post la tempo de „malvarma milito", la prezento de la celoj, ĉefaj taskoj de la agadprogramo kaj de la strukturo de MEM estas valoraj precipe por tiuj, kiuj ĝis nun malmulte informiĝis pri la ampleksaj klopodoj por paco per Esperanto, fare de MEM.

Prof. S. N. Podkaminer, iama IKano de la esperanista pacmovado, starigas da demandon: ĉu pacmovado povas esti neŭtrala? Li respondas: rilate al diversaj politikaj, religiaj, filozofiaj kaj aliaj konceptoj-jes. Se ĝi ne rajtas esti neŭtrala rilate al problemoj de milito kaj paco, rasa kaj nacia egalrajteco, kontraŭ ia ajn formo de rasimo kaj ŝovinismo.

Entute la memorbroŝuro montras diversajn kaj multajn aspektojn de la esperantistoj. Ĝi estas skribita kun alta respondeco por nia vivo.

Certe ĝi instigas pluajn Esperanto-amikojn enviciĝi en porpacan agadon. Ingrid Schödl

**Arthur Schnitzler:**

**EL ANATOL. KVIN UNUAKTAĴOJ.**
**Aŭstria Esperanto-Instituto. 1983.**
**14 x 20 cm 67 p.**

Estas mondoj, kiuj disigas ne nur la tempon, en kiu rolas la kvin unuaktaĵoj, de nia hodiaŭo, sed antaŭ ĉio la intelekto de la heroo kun siaj kompleksoj disde ĝenerale menssana homo. Estas prezentita al ni junulo sen ekonomia grundo, sed disponigante pri ĉio, kion li bezonas, kiu pasigas sian tempon per amoraj aferoj. Tio kaŭzas problemojn inter liaj senmoralaj konceptoj kaj skrupuloj. Ĉiu peco estas streĉa legaĵo, do leginda eble dum vojaĝo. La tradukintoj d-ro Leopold GRIMMER, d-ro Karl BECKMANN, Hugo KRAUS kaj Grete BREUNLICH staras por tre bona lingvo. Ludwig Schödl

---

— „Mi ne havas tempon! Mi dejoras!"

— „Ĉu vi opinias, ke mi havas tempon? Mi veturas al la foiro, poste mi devas veturi al tajlorino, poste mi devas viziti mian malsanan onklinon kaj telefoni kun mia edzo, tiam . . ."

— „Sed, bonvolu redoni nun al mi mian legitimilon! Vidu, kian trafikhaltigon vi kaŭzas!"

— „Ĉu mi??? Ĉu mi haltigis vin aŭ vi haltigis min?"

— „Nu bone, mi haltigis vin. Tuj redonu al mi mian legitimilon! Mi plu ne volas forpreni vian tempon."

— „Tio estas guŝta! Jen, prenu vian ligitimilon — kaj neniam haltigu la trafikon timaniere, ĉu vi komprenas?"

tradukis H. Buth

## Hibakusha. Eld. Nihon Hidankyo. Tokyo 1982, 20 p.

Hibakeoj en Esperanto nomiĝas la vunditoj kaj domaĝitaj de la ĵeto de atombomboj far Usono sur Hiroŝimon kaj Nagasakion. La Japana Federacio de la organizajoj de A- kaj H-bombaj suferitoj (The Japan Confederation of A- and H-Bomb Sufferiers Organization) eldonis 3-lingvan (Esperanta, angla, itala) riĉe kaj ja terure ilustritan kajeron pri la detruitaj Hiroŝimo kaj Nagasaki kaj pri ties mortbruligitaj aŭ ankoraŭ vivantaj viktimoj. Ege emociiga broŝuro, kiu helpu al ankoraŭ pli aktiva kontraŭstaro al la usona minaco de „unua nuklea bato". Ni represas parton de la broŝuro.

**„Kial estis uzita la atombombo?**
Meze de 1945 Japanio jam perdis ĉiom da maraj kaj aeraj armefortoj, kaj preskaŭ restis sen militpovo por daŭrigi la batalon. En februado interkonsento estis farita inter la aliancanoj en Jalta, ke Sovetunio partoprenu la militon kontraŭ Japanio en Siberiu komence de aŭgusto, ĝis tri monatojn post la malvenko de nazia Germanio. La uzo de la atombomboj fare de Usono fakte ne estis „por mallongigi la agonion de milito, por savi milojn kaj milojn da vivoj . . ." (la prezidento Truman), sed „por havigi al si politikan avantaĝon en la usona postmilita strategio kontraŭ Sovetunio" (la milita sekretario Stimson).
Troviĝis ankaŭ alia kaŝita celo, nome, por esplori la povon de la atombombo pretige por la plua uzo de nukleaj armiloj en la estonteco. Jen kial ambaŭ urboj estis elektitaj kiel celobjektoj por fari eksperimenton sur la vivantaj korpoj. Pro tio Usono rigardis la damaĝon milita sekreto kaj rifuzis helpi la hibakŝojn malgraŭ propono farita de Internacia Ruĝa Kruco. Usono perforte venigis multe da hibakŝoj al militaj hospitaloj en Hiroŝima kaj Nagasaki, kie ili prenis specimenojn de ilia sango kaj fortranĉis la afektitajn partojn de iliaj malfortiĝintaj korpoj por patologia esplorado, traktante la viktimojn kiel „kobajojn", sed ili donis al ĉi tiuj nenian medicinan traktadon.

**Hibakŝoj alvokas por la neniigo de nukleaj armiloj.**
En 1954, kiam Usono faradis eksperimentojn de hidrogenaj bomboj en la atolo Bikini, la telekomunika funkciulo de Japana fiŝista ŝipo, aganta en Pacifika Oceano, mortis pro la radioaktiveco el la „polvo de morto" kiu falis sur la ŝipon. Tio vekis fortan indignon en larĝa gamo de japana popolo, kaj la movado kontrŭ A- kaj H-bomboj disvastiĝis tra la tuta lando. Kuraĝigite de la Unua Monda Konferenco kontraŭ A -kaj H-bomboj en Hiroŝima en 1955, la neglektitaj hibakŝoj unuigis sin kaj formis Hidankyo (Federacio de Asocioj de Viktimoj de Atom- kaj Hidrogenbomboj) la sekvantan jaron. Ekde tiam la hibakŝoj persistis en aktivadoj ĝis nun, postulante la kompletan malpermeson de nukleaj armiloj, kaj postulante de la registaro efektivigon de nova leĝo por la helpo al hibakŝoj. Subtenate de multe da civitanaj organizoj, Hidankyo, klopodas kolekti 20 milionojn da subskriboj por postuli la starigon de leĝo por helpi la hibakŝojn, kaj ĝi preparas sendi delegitaron eksterlanden por dissemi la veron, kaj denunci la krimecon de la atombombado pri Hiroŝima kaj Nagasaki."
La broŝuro ankaŭ ekzistas unu lingva. La Esperantan eldonon oni povas ricevi ĉe Libroteko-Tokio (p/a Syozi Keiko, 3—7—15 Nisinippon, Arakawa-ku, Tokyo, 116, Japanio).

## Virinoj en Hungario: Budapest 1983, 17 p.

La malgranda kajero permesas enrigardon en la evoluon de la hungaraj virinoj dum la lastaj 40 jaroj. Ĝin eldonis la Nacia Konsilio de Hungaraj Virinoj kaj redaktis Erzsebet Nógrádi Tóth. La broŝuro donas informojn pri la realigo de la egalrajteco de la virinoj, komencante kun la inkluzivigo en la laborproceson, la faka klereco kaj de la sama salajro por sama laboro ĝis dumlabora protektado kaj sanitara prizorgado. Granda parto estas dediĉita al la hungara familio, al la familiopolitiko, al la zorgado pri la pli aĝa generacio, precipe de la virinoj kaj al la kultura klerio. Fine estas substrekata la pacoklopodoj de la Nacia Konsilio de hungaraj virinoj kaj ilia kontribuo, kiun ili donas en la kadro de la tutmonda esperantista movado.
Kvankam oni ne povis pritrakti ĉiujn problemojn en ĉi tiu 17-paĝa kajero, valorus havi informojn pri la enigo de la ciganinoj en la evoluproceson de la hungara socio.

Monika Schrage

## NI VIVOS!
## Dokumenta dramo pri la lastaj jaroj el la vivo de Lidia Zamenhof. Autoro: Julian Modest. Eldonis: Hungara Esperanto-Asocio (sen jarindiko), 53 p., ISBN 963 571 119 3.

En formo de dokumenta dramo la aŭtoro bildigas la vivon de la Zamenhofa parencaro en Varsovio kaj en Varsovia getto inter la jaroj 1939 — 1942. Ili kredas, ke Esperanto estas lingvo, kiu kunligas la homojn. Laŭ la germanaj nazioj ĝi estas artefarita lingvo de judo kiu celas unuigi la judaron por komerci kaj regi la popolojn. Lidia, la filino de Zamenhof, ne kapablas perfidi sian konvinkon. Ŝi faras ĉion por savi aliajn homojn el malsatmizero kaj danĝero sed rifuzas ĉiujn eblecojn savi sin mem, kvankam ekzistis tiaj.
En socialismaj landoj abundas literaturo pri la teruraĵoj de la nazioj en Eŭropo, pri la krimoj kontraŭ la polaj kaj aliaj judoj, pri la rezisto de la Varsovia getto. La mallonga dramo de Julian Modest aldonas mozaikan ŝtoneton kiu tamen kvazaŭ persone tuŝas esperantistojn, ĉar temas ne pri la ĝenerala maljusto sed pri la suferoj de personoj kiuj ŝajnas esti persone konataj. Ankaŭ en ilia relative malgranda rondo speguliĝas la diferenca sinteno de la viktimoj de la faŝismo, ĉu kuraĝa fiero, kontraŭstaro, ĉu reciproka helpado, ĉu rezigno pri la sorto.
En postparolo d-ro Imre Pethes, MEM-prezidanto, atentigas ke ankaŭ nuntempe homo kaŭzas suferon, doloron al alia homo kaj ke necesas forta pacvolo kaj paca kunlaboro. En tiu senco la dramo de Modest kontribuas al emocia sinteno de la legantoj.

Linde Knöschke

## Rüdiger kaj Vilma S. Eichholz: Esperanto in the modern world. Baillieboro, Ontario (esperanto-press), Canada, KOL 1BO. 1982. 600 paĝoj, 110 ilustraĵoj.

La subtitolo indikas la enhavan profilon de la impona volumo: Studies and articles on language problems, the Right to Communicate, and the International Language (1959 — 1982)

Tio estas la dua eldono de verko, kiu aperis 1981 sub la titolo „Esperanto — the solution to our language problems" kaj kiu entenis 472 paĝojn. Laŭ la enkonduko la verko devus montri a) La ekziston de monda lingvo problemo, b) ebligi al homoj nesciantaj Esperanton priĵuĝi ties kvalitojn kaj legi facilajn Esperanto tekstojn kaj c) per dulingvaj artikoloj montri la literaturan kaj sciencteknikoaplikajn kvalitojn de Esperanto kaj d) pruvi, ke Esperanto povus solvi kaj internaciajn kaj naciajn lingvajn problemojn. La libro, laŭ la espero de la kompilintoj, devus ĉefe troviĝi kiel manlibro en bibliotekoj. La materialo ja nepre estas interesa. Plejparte temas pri studoj de CED, artikoloj el la serio „Esperanto-Dokumentoj", aŭ artikoloj de konataj sed sufiĉe diversspecaj aŭtoroj (I. Lapenna, M. Boulton, W. Auld, C. Piron, H. Tonkin, R. Harry, T. Sekelj, B. Sherwood). Ne estas klare, kial ili aperas plej ofte dulingve. La esperantistoj ja konas ilin. La neesperantistoj legu la anglan version. Kaj nur por kompari? La tuta materialo estas ordigita laŭ jenaj, la ĉefaj ĉapitroj:

1. Bazaj faktoj pri Esperanto
2. Aspektoj de la lingva problemo kaj Esperanto kiel solvo
3. La instruado de Esperanto
4. Esperanto en la hodiaŭa mondo
5. Indeksoj de personoj, temoj kaj landoj (kiuj bone helpas orientiĝi en la iom malfacile ordigita libro).

La nivelo de la materialo, ties scienceco, redundanco, stilo kaj prilaboriteco estas ege diversa. Sed tio en libro tiuspeca apenaŭ estas evitebla. Bedaŭrinde — iom laŭ la maniero de A. Holzhaus — tra la libro svarmas fotoj tre movadismaj, ekz. 8 paĝoj pri Esperanto-filatelaĵoj, fotoreproduktaĵoj el diversaj Esperanto-gazetoj k. t. p.

Tiel la salutinda mulflankeco de la libro estas iom subpremata per tro propagandismaj trajtoj, kiujn ni nepre evitu direktiĝante al la ekstera mondo. Forte frapis, bedaŭrinde, la kovrilpaĝa aserto, ke „Esperanto estas science konstruita lingvo, farita el la plej bonaj elementoj de la plej gravaj lingvoj de la mondo. Ĝi estas tiel regula (streamlined), ke ĝi povas esti lernata dum nur dekono de la tempo bezonata por lernado de nacia lingvo. La vorttrezoro estas tiel internacia kaj logika kiom eblas". Ĉiu unuopa frazo estas frapo en la vizaĝon de homoj klopodantaj science, serioze kaj sobre informi seriozajn homojn pri Esperanto por tiel atingi seriozajn kunagantojn (jes, 3-foje „serioze"). Feliĉe, la artikoloj mem, plejgrandparte, ne estas tiel sloganismaj kiel la kovrilpaĝa teksto.

Plene estimante la grandegajn strečojn de la aŭtoroj por la evoluigado de la faka lingvo en Esperanto, sciante pri iliaj alispecaj aktivecoj por Esperanto kaj komprenante la multan elspezon da forto kaj mono por fari tian empleksan libron, mi kun forta bedaŭro elreliefigis kelkajn frapajn trajtojn de la libro. Ni ja finfine lernu!

Aliflanke estas tute evidente, ke la libro entenas multege da interesa kaj valora materialo, kiun tiu kun profito uzos, kiu **pretas** uzi ĝin tia kaj ne sentas ĝenata de la kritikitaj trajtoj. Malgraŭ mia forta bedaŭro pri esencaj trajtoj de la libro mi deziras al ĝi disvastiĝon.

La libro estas havebla ĉe UEA. D. Blanke

## Peter G. Forster: The Esperanto-Movement. Mouton, The Hague-Paris-New York 1982, 413 p.

La angla sociologo P. G. Forster verkis ampleksan doktorigan disertacion pri la Esperanto-movado el sociologia-historia vidpunkto, aparte analizinte la britan movadon. Feliĉe okazis, ke tiu verko povis publikigita en la prestiĝa serio de la eldonejo Mouton Contributions to the Sociology of Languages, eldonata de Joshua A. Fishman, konata sociolingvisto. Utiligante multege da materialo kaj prezentante ĝin sisteme kaj en bona superrigardo Forster elmontras la konfliktantajn evoluo-tendencojn de normorientiteco (apliko de Esperanto por praktikaj celoj) kaj valororientiteco (idealoj kiel frateco, la „interna ideo") en la historio de la Esperanto-movado. La libro konsistas el du partoj: I. La monda Esperanto-movado, II. Esperanto en Britio. En la unua ĉapitro Forster skizas la disvastiĝon de la Esperanto-komunumo tra la jardekoj, donas informojn pri la planlingva historio kaj la konkretaj cirkonstancoj de la ekapero de Esperanto. Sekvas ĉapitroj el la historio de Esperanto (i. a. la Ido-krizo, kreo de internacia Esperanto-organizajo, la Ligo de Nacioj kaj Esperanto, socialismo kaj Esperanto, la postmilita konstruo de nova movado pere de Ivo Lapenna).

En la dua ĉapitro la aŭtoro donas detalojn pri la evoluo de la movado en Britio kaj analizas laŭ sociologiaj kriterioj la Britan Esperanto-Asocion. Aldonaĵoj (la 16 reguloj de la fundamenta gramatiko, la korelativa tabelo, la listo de Universalaj Kongresoj k. a.) kompletigas la volumon. Tre bonvena estas malgranda glosaro de (anglalingvaj) Esperanto-realaĵoj el la movado. La ampleksa. bibliografio kaj la multaj notoj kaj fontindikoj substrekas la seriozecon de la verko. Scienca manlibro pri la historio de la Esperanto-movado leginda por neesperantistaj laikoj kaj konantoj de la movado. D. Blanke

---

**IV. DDR-Treffen der Esperantisten: 28. — 30. September in Dresden**
**Teilnahmepreis (für Übernachtung, Verpflegung, Programm) f. DDR-Bürger: 115,—, f. Ausländer: 125,—. Anmeldescheine u. Informationen beim Büro des Verbandes. Anmeldeschluß: 30. Juni 1984.**

**Baghy, J.: Gramatika demandaro resuma. Hungara Esperanto-Asocio, Budapest, 1982, Kvara eldono. (40 paĝoj) Mendu ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 — Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9.**

La jam bone konata broŝuro nun aperis sub nova titolo; antaŭe ĝi nomiĝis „Metodiko-demandaro" (1972), ampleksis 44 paĝojn kaj — enhavis nenion konvenan al la metodiko de Esperanto-instruado. Nun la titolo kaj la enhavo de la kompilaĵo koincidas — almenaŭ plejparte.

Ĝi estas rekomendinda por kursgvidantoj kaj ekzamenotuloj, por ke ili povu kompari la fonetikajn, morfologiajn kaj sintaksajn distingaĵojn de Esperanto kun sia gepatra lingvo. Ĝi, la „Demandaro", estas bonega orientilo por klarigi al si mem — kaj poste al aliaj sistemigemuloj —, kion oni komprenas ekzemple sub la nocioj „epiteto, suplemento, adjekto" (kiuj ne ekzistas en la germana lerneja terminologio) ktp. Per entute 49 ĉapitretoj — la 50-a ĉapitro estas dediĉita al du tre valoraj resumaj tabeloj: a) Tabelo de la strukturaj frazelementoj kaj b) Tabelo de la akcesoraj komplementoj — la leganto estas informita pri la plejo bezonata el la tuta gramatiko de Esperanto. Ĉiu ĉapitreto enhavas demandon (ekz. demando n-ro 47: „Laŭ funkcio kiel dividiĝas la prefiksoj?), klarigon kaj ekzemplojn. Tiamaniere oni gajnas — lime de praktika lingvoaplikado — utilan gramatikan superrigardon.

Nur la demando n-ro 1 („Kiel oni studas lingvojn?") estas restaĵo de la supre menciita antaŭa erariga titolo, kaj la donita respondo pli bone konvenus al demando: El kio konsistas lingvo kiel sistemo? La eldonisto ja „ŝparis" kvar paĝojn, sed bedaŭrinde nun mankas la enhavtabelo.

Finfine — necesega broŝuro; sed la optimisma esperantisto ne konkludu, ke la „Plena analiza gramatiko de Esperanto" nun estus superflua verko por li — inverse: la „Gramatika demandaro resuma" vekas nian intereson, plienprofundiĝi en la labirinton ankaŭ de ofte erare nomita „facila" lingvo Esperanto.
T. Dahlenburg

## Kion scii por organizi nian movadon[1])

Sub la supra titolo eldonas la Hungara Esperanto-Asocio Budapest, diskutmaterialojn en formo de broŝuroj. Nun aperis la kajero n-ro 2 kun studaĵo pri la „interna ideo" de Esperanto de D-ro Detlev Blanke.

Certe granda parto de tio, kion la broŝuro pritraktas estas konata, do ne estas sensacio. En esperantlingvaj gazetoj kaj ĵurnaloj jam kelkfoje aperis kontribuoj pri tiu temo, sed ofte kontraŭdiraj. Estas la merito de la aŭtoro, ke li komplekse esploris la esencon de la diferencaj pensmanieroj, ke li montris bazon, kiu ebligas forigi nerealajn imagojn. Kio ŝajnas esti nekonformigebla montriĝas post la studo de la broŝuro almenaŭ komprenebla, eble eĉ finklarigita.

Rimarkinda estas la metodo analizi la koncepton de Zamenhof pri la „interna ideo" kaj la nuntempajn ankoraŭ ekzistantajn formojn de tiu idearo. Konvinke pruvas la scienca traktaĵo, ke la tielnomata „interna idea" ne estas kohera elemento de la lingve Esperanto mem. Ĝi vivas sole en la humanismaj konceptoj kaj celoj de la uzantoj de Esperanto.

Agrable estas konstati, ke la aŭtoro delikatsente kaj taktplene pritraktis la problemaron. Lia esplorrezulto meritas en ĉiu kazo la predikaton „pripensinda", eĉ se ĝi ne trovus ĉiuflankan aprobon. De plej granda graveco estas la fakto, ke la publicaĵo helpas liberigi la Esperanto-movadon de la suspekto, esti sekteca, por la praktika vivo pro tio ne taŭga.
E. Würker

1) Kion scii por organizi nian movadon Diskutmaterialo 2. Budapest ⟨Hungara Esperanto Asocio 1982⟩ ISBN 963 571 0461. 29 p. Mendu ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9

## Christian Darbellay: Kiu estas kiu en scienco kaj tekniko 1981. Neuss (la aŭtoro) 1981, 275 p.

La ideo ne estas tute nova — subteni kaj faciligi la aplikon de Esperanto en scienco kaj tekniko per ampleksa adresaro, kiu informas pri ĉiuj sciendaĵoj koncerne diversfakajn sciencistojn. Jam en 1964, dum jarkunveno de ISAE (Internacia Scienca Asocio Esperantista), „naskiĝis la ideo ellabori superrigardon pri la E-sciaj sciencistoj", kiel skribas W. de Smet en sia antaŭparolo al la libreto, kiu unuan fojon provas realigi tiun ideon.

Christian Darbellay, nuna sekretario de ISAE, en 1979 transprenis la bazan sliparon kiun d-ro de Smet estis kompilinta inter 1966 kaj 1971, (600 adresoj), aktualigis kaj kompletigis ĝin per enketo kaj eldonis prototipon (enskriboj/artikoloj) kun 227 elektitaj adresoj en 1981. Jen la principio: por ĉiu scienculo estas rezervita unu paĝo de la libro. Apud la foto legeblas nomo kaj naskiĝdato, loĝlando kaj fako(j), scienca rango kaj subfako(j), hejma kaj deĵora adresoj (kun telefon-numeroj), gepatra kaj aliaj lingvoj (laŭ grado de regateco), membreco en naciaj, internaciaj kaj esperantistaj institucioj kaj fine (elekto el) la publikaĵoj. Tiun individuan prezentaĵon sekvas laŭfaka kaj laŭlande ordigitaj pri tiuj fakuloj superrigardo kaj krome faka listigo de 1445 personoj el la nuna sliparo. Laŭfaka kaj laŭlanda statistikoj kompletigas la verkon, kiu montriĝas kiel tre utila konsilanto dum faka E-laboro. La konsultlibro respondas al diversaj demandoj kiuj ekaperas dum starigo kaj intensigo de fakaj kontaktoj. Tiel ĝi servas al la leganto/uzanto kaj same al la prezentitaj eminentuloj, disvastigante informojn pri iliaj artikoloj kaj libroj verkitaj en naciaj lingvoj aŭ en Esperanto.

Bedaŭrinde kelkloke mankas fotoj aŭ informoj pri la publikaĵoj — sed pri tiu manko ne kulpas la kompilinto: li nur povas aperigi kion li ricevis de la koncernaj personoj. Salutinda estas la plano sekvigi al tiu unua proveldono aliajn, ĝisdatigitajn kaj pliampleksigitajn regulajn eldonojn. Sed por realigi ĉi tiun planon, kiu sendube multobligus la utilon de „Kiu estas Kiu en scienco kaj tekniko", necesas la respondkonscia kunlaboro de la koncernaj fakuloj.

De la kompilinto oni petu demandaron, detale plenigu ĝin kaj ne forgesu la foton — jen ĉio! Kaj la adreso: Christian Darbellay, Jostenallee 45, D—4040 Neuss 1.
W. Dehler

## INTERNACIA KOMPUTADO: MIKROKOMPUTILOJ. HEA. Budapeŝto 1983. 30 Ft.

Nova revuo aperas sur la Esperanta merkato: La unua numero de INTERNACIA KOMPUTADO estis aĉetable dum la kongresoj en Hungario. Ĝi laŭteme estis artikolaro pri mikrokomputeroj. La leganto trovas ĉefe superrigardojn pri la merkata situacio kaj komparajn tabelojn pri diversaj tipoj kaj sistemoj. Soclanda kaj okcidenta merkatoj paralele prezentiĝas, kio certe apartenas al la laŭdindajoj de IK. Montriĝas manko, kiun mi jam kritikis pri la INTERKOMPUTO-prelegoj „Mikrokomputiloj": Teknikaj detaloj, programoj, cirkvitaj skemoj kaj propraj spertoj jam estas tipaj por komputeraj kaj eĉ elektronikaj revuoj (ekz. CHIP, mc, rfe). En esperantajoj ili ne troveblas. La esperantistoj inklinas trakti la problemojn tre ĝenerale (eble supraĵe) sen profunda aplikado kaj spertinterŝanĝo. Tio estas ŝanĝenda.
La ekstera aspekto kaj la preskvalito estas bonaj, speciale laŭdinda la bela represo de fotoj. Laŭ mi oni ŝanĝu la titolon (ne pro la diskutenda KOMPUTADO, sed pro troa longeco kompare kun CHIP, mc, Bit) kaj la eksteron de la titolpaĝo cele al pli frapa titollinio. Michael Lennartz, GDR

## Novak, Ŝpiĉka, Hnik: La transdorsoĵeto. Ĉeĥa Esperanto-Asocio. Prago 1982. 70 p.

Suplemente al STARTO aperis en 1982 libro pri speciala elemento de ĵudo: La transdorsoĵeto. Ĝi estas faklibro kaj tial malfacile recenzebla de nefakulo. Troviĝas fizikaj klarigoj, teoriaj konsideroj kaj praktikaj ekzercoj. La aŭtoroj detale priskribas la plenumon de transdorsoĵeto, ili traktas didaktikajn demandojn montras la rilatojn inter transdorsoĵeto kaj seoinago. Atentigon meritas la zorga preparado kaj la komplekseco de la libro. Ĝi enhavas multajn bonege plenumitajn desegnojn, vortareton kaj liston de terminoj (pĝ. 64: „listo de fakaj terminoj" — termino estas **fak**-vorto!) kaj ampleksan referencan liston.
La ĉapitroj 1 kaj 4 enhavas nur po unu subĉapitron (1.1. — 1.1.1.6. kaj 4.1. — 4.1.3.), laŭ mi estus bone ŝanĝi la subdividon kaj forigi la subpunkton 1. M. Lennartz

## Mikrokomputiloj. Periferioj kaj aplikoj. Prelegoj de INTERKOMPUTO 1982. NJSzT. Burdapest 1982. 164 p. plus varbanoncoj.

Eĉ al nekomputeristoj mi ne devas klarigi, kio estas INTERKOMPUTO. La prelegoj de tiu konferenco nun ekzistas libroforme, entute ses volumoj. Ĉi tiu recenzata verko enhavas 17 prelegojn el la fakoj mikrokomputeroj, periferioj, bildoprilaboro kaj datumtransigo. Tio donas malgrandan enrigardon en la amplekson de la konferenco kaj la konsiderindan laboron, kiun devis plenumi ne nur la prelegantoj, sed same la aŭskultantoj.
Plejparto de la prelegoj havas bazan aŭ superrigardan karakteron. Pli spertaj fakuloj do apenaŭ trovas interesajn novajojn. Tiuj, kiuj aĉetas la prelegojn, ja ne havas la avantaĝon de diskutado kaj persona interparolo. Kelkaj el la asertoj ne estas tiel absolute pravaj (ekzemple „ĉipo eblas integri la funkciojn de kompleta komputilo", ... „mikroprocezilo, konsistanta el la centra procezada unuo, storoj kaj enigaj-eligaj cirkvitoj"). Aliaj ŝajnas al mi tro optimismaj (ekz. la elpaŝoj pri la operaciada sistemo IDEALOS). La prelegantoj sin vidis antaŭ malfacila tasko; Estis necese terminologie prepári la kompletan mikrokomputeran fakon. Ĝenerale tio estas bone solvita. Terminologo trovas trezoron por ordigi, diskutigi kaj unuecigi la uzitajn fakvortojn. Tio ankaŭ koncernas la tradukojn de la varbanoncoj, en kiuj amasas terminoj antaŭe apenaŭ viditaj.
La preskvalito ne ĉiam estas kontentiga. Kelkaj prelegoj estas presitaj per komputera eligilo, kiu uzas malbone legeblajn literojn. Ekzistas ja pli klare legeblaj, pli naturaj litersistemoj (ekz. ROBOTRON K 1520).
Por estontaj aranĝoj mi proponus ŝanĝojn: Pli emfazita disigo de aparataro kaj programaro kaj pli da prelegoj pri la praktika (industria) aplikado de mikrokomputeroj (tiaj materialoj ofte ankaŭ mankas en naciaj fakaj kunvenoj!).
Ĉar la komputerismo jam profunde enradikiĝis en la E-movado, eble rekomendindus dispartigi la kunvenojn, tiel ke INTERKOMPUTO restos la gvida konferenco, sed delegos difinitajn temojn al aliaj sciencaj konferencoj (AEST). Michael Lennartz

## Gyula Krüdy: LA ROZO DE L'SULTANO
## Eldonis Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1982
## Tradukis d-ro István Nagy 12 x 18 cm 54 p.

Tre riĉe ilustrita — far László Kertész — fabela historio, kiu revokas la tempon, kiam inter 1541 — 1699 Hungario estis sub turka regado. Gül-Baba (Esperante: La Patro de l'Rozoj) estis historia figuro. En Buda — la urboparto de Budapeŝto okcidente de Danubo — oni povas viziti lian tombon kaj malgrandan kapeleton, dediĉitan al lia memoro. Rolas amindaj infanoj, hungaraj kaj turka, kaj bonkoraj herooj.
La verketo estas bonvena por legantoj de ĉiuj aĝoj, agrabla, flua lingvo. La desegnajojn infanoj certe ŝatas kolorigi. Mi nepre rekomendas ĝin. L. Schödl

## Verkistoj:

La literatura Sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio deziras prezenti al esperantista kaj neesperantista publikoj aŭtorojn, kiuj verkas en Esperanto. La Sekcio petas ĉiun seriozan verkanton sendi koncizan biografion, liston de verkoj, ĉu presitaj ĉu manuskriptaj, kun informoj pri persona literatura filozofio kaj eventualaj literaturaj premioj gajnitaj. Pliaj detaloj haveblas de: Literatura Sekcio de ĈEA, Počernická 333/86, CS—108 00 Praha 10, Ĉeĥoslovakio.

## Vinar, Valdemar: La skandalo pro Jozefo. Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Praha, 1981. 68 p.

En la serio PANORAMO, literatura almanako de STARTO, kiun ni GDR-esperantistoj nur povas envii, aperis tiu broŝurforma „kvinobla aŭtenta atesto pri la tikla evento malnov-testamenta".

La afero ja estas vaste diskonigita per la biblio: Jozefo, forvendita de siaj fratoj al Egiptujo, tie vivas kiel sklavo. La edzino de lia mastro Potifar penas delogi la belan judon, sed Jozefo rezignas amori kun ŝi. La edzino kulpigas lin ĉe Potifar, kaj Jozefo estas enkarcerigita.

Vinař prezentas la okazajon per monologaj atestoj de negra sklavino, la edzino de Potifar kaj Jozefo mem. La du postaj atestoj ne tiom koncernas la eventon, sed pli postajn aferojn, nome la elkarceriĝon de Jozefo kaj lian karieron ĉe la egipta kortego. Laŭ mia kompreno (aŭ gusto) la aŭtoro fordonacis grandegan ŝancon. Li ne priskribas la vivon en la antikva Egiptio el diversaj vidpunktoj kaj sur diversaj ebenoj, sed tro direktiĝas al la rilato inter Jozefo kaj la edzino. Kvankam diversaj aspektoj de la vivo en tiama Egiptio estas tuŝataj, tio ne sufiĉas por peri objektivajn, ĝeneralajn donitajojn per la unuopa sorto. Vinař tro prezentas la aferon, maltro la socion. Tion subtenas la maniero de prepentado, la monologo. Vinar estis teatristo (li mortis en 1981), tion la libro respegulas. La uzata lingvaĵo kelkfoje estas dubinda. Esprimoj kiel „maŝinsimila ritmo" (p. 46) kaj „burokrata aparato" (p. 53) sonas strange el buŝo de antikvuloj. Ankaŭ la multaj neologismoj kaj iuj strangaj kunmetoj (darfi, femina, superba, havigi idon far, ringobukla, baji, kromordinara k. a.) ne faciligas la legadon. Tre plaĉis al mi „niulo", kio estas trafa traduko por „unsereiner", sed mi ne scias, kiom internacia estas tiu nocio. Michael Lennartz

## John Francis: Misio sen alveno. TK-Stafeto. Antverpeno — La Laguna. 1982. 159 p.

Scienc-fikciaj romanoj ne estas tro oftaj en nia literaturo. La aperoj de ĉi-tema numero de KONTAKTO, du romanoj de I. Nemere, antologio „Sferoj" kaj la recenzata libro ŝajnas dorlotaj. Fakte tio montras, ke konjunkturo delonge tipa en naciaj libromerkatoj finfine atingas ankaŭ la Esperanto-movadon kaj ege ĝuigos kaj kontentigos leg-avidajn esperantistojn. Tial ĉi-loke „Dankon" al la eldonejoj.

John Francis estas skoto kaj jam ricevis laŭdojn pro „La granda kaldrono", Libro de la Jaro 1979 laŭ enketo de LITERATURA FOIRO. Tion mi volas esprimi tuj: „Misio sen alveno" estas bonega verko (ĉu majstra, tion juĝu niaj posteuloj). Stile, lingve kaj enhave ĝi plenumas altajn pretendojn kaj senhonte staras inter altnivelaj naciaj SF-ajoj.

La romanon konsistigas ĉapitroj variaj laŭ loko kaj temo, por kiuj mi inventis la jenajn titolojn:

I — Luomo . . . . . . . . La misio
II — Tero . . . . . . . . . .Traktadoj
III — Orulkvara . . . . .Esploroj
IV — Ulomo . . . . . . . . La Akcidento
V — Antaŭ nova misio

Halman, freŝbakita intendanto, flugas al Tero por tie prepari kaj starti ekspedicion kun Teranoj per preterlumrapida kosmoŝipo al fora suno. Sur tiea planedo ili travivas diversajn aventurojn. Revojaĝe la ŝipanoj subite troviĝas en aliaj tempo kaj universo.

La libro ne estas pure aventura. Francis tre profunde kaj konvinke priskribas la civilizacion sur Luomo — post Carlos Rasch estas sur la dua fojo, ke mi renkontas en SF-romano tiel larĝan prezenton de aliplaneda vivo.

La aŭtoro ne senmoke senmaskigas penojn kaj celojn de partoprenantoj de konferenco sur Tero, kie du grandaj internaciaj organizoj — UNO kaj NUKOL — interbatalas. Specialan rolon ludas Ford Kauser, senambicia reprezentanto de NUKOL, kiu daŭre aspiras kaj atingas amaventurojn kun virinoj lin ĉirkaŭantaj. Francis bonege kaptis kaj la atmosferon de internaciaj konferencoj kun politika celo kaj la psikologion de amoremulo.

La dialogoj kaj diskutoj estas iom longaj, kio certe ĝenos legantojn, kiuj ŝatas senĉesajn vivminacon kaj streĉon. Da tiuj la libro apenaŭ ofertas. Ĝi tamen estas neta kaj leginda, iom novspeca SF-romano.

Michael Lennartz

## Nova libro de Nikola Aleksiev

Antaŭnelonge (1983) aperis en Sofio 136paĝa libro de Nikola Aleksiev sub la titolo „Učiteli i drugari" (instruantoj kaj kamaradoj). Ĝin eldonis la sindikata eldonejo Profizdat. La bulgarlingva libro ne nur estas rimarkinda, ĉar ĝi estas skribita de elstara veterano de bulgara sindikata movado kaj konata esperantisto. Ĝi entenas rememorojn de Aleksiev pri gravaj funkciuloj, kiuj lin influis. Inter ili troviĝas i. a. bulgaraj laboristaj esperantistoj kiel Nikola Botuŝev, Naĝakov, Hristovski, Angelov, Esperov. Sed ankaŭ pri la konataj sovetiaj esperantistoj S. N. Podkaminer kaj K. M. Gusev li verkis ĉapitrojn.

---

## Esperantologio:

La 31an de majo 1983, en la Lingvoscienca Instituto de la Scienca Akademio de Soveta Unio en Moskvo, okazis sukcesa defendo de universitata disertacio pri Esperanto. Temis pri la laboro de Dina Grigorjevna Lukjanec, kiu verkis pri „Lingvistika analizo de la esprimrimedoj de la poezia parolo (laŭ materialo en Esperanto kaj la franca lingvo)". La kandidatino komencis sian esplorlaboron jam sub la gvido de prof. E. A. Bokarev (1904 — 1971), por daŭrigi kaj fini ĉe prof. M. I. Isajev. La disertacio plian fojon atentigis pri la granda esprimpotencialo de Esperanto.

**Nemere, Istvan: La blinda birdo. Hungara Esperanto-Asocio. Budapest 1983. 118 p. Prezo 60 ft. GDR-prezo ĉ. 15 M. GDR-anoj mendu ĉe Haus der Ungarischen Kultur, Karl-Liebknecht-Str. 9.**

Ili estas amikoj: Sven Viborg el Skandio kaj Govan Dyebo el Suda Respubliko. Sed Dyebo estas nigrulo, kaj liaj elpaŝoj kontraŭ la blankula diktaturo en Suda Respubliko kaŭzis, ke li malliberiĝis. Viborg tial flugas al la fora lando por enketi pri sia amiko. Viborg, la liberala etburĝo, preskaŭ dronas en la labirinto de la diktaturo, antaŭ ol li trovas helpantojn. Kaj la blankuloj konsciantaj pri la proksimiĝanta fino de la diktaturo kaj nigruloj batalantaj en la Fronto realigas la liberigon de la amiko.

Ĉi tiu romano estas bonege verkita. Kompare al la antaŭaj du verkoj estas sentebla maturiĝo je rakontado kaj stilo. Nemere prezentas bone konstruitan aranĝon kun psikologie pentritaj, naturaj protagonistoj kaj strečaj aventuroj. Lia lingvaĵo estas simpla, sen troaj ornamaĵoj kaj tial flue legebla, vera esperantaĵo.

La prej grava merito de Nemere: „La blinda birdo" estas politika romano. La funkciado de diktaturo, ĝiaj internaj stabiligaj kaj malstabiligaj faktoroj, la bonvola kaj ŝajne nepolitika sinteno de la verkisto Viborg, la liberiga batalo de la Fronto: Nemere leĝere, sen instruista pozo prezentas ĉi ĉion laŭ kompreniga kaj kredebla maniero. Tiu amaso da problemoj ofte estas evoluata per dialogoj, kiuj organike integriĝas en la verko. Krome li mencias tre gravan problemon: La regadperiodon post la liberiĝo el sub la diktaturo, kiam la diversaj fortoj, kiuj ĝis tiam havis komunan malamikon, volas realigi siajn diversajn individuajn celojn. Nikaragvo, El Salvadoro, Irano . . . flamo aktualeco troviĝas en tiu romano.

Por mi ĝi estas la unua postmilita romano de socialismma realismo en la originala Esperanto-literaturo. Tial laŭdan dankon al I. Nemere kaj esperon, ke „La blinda birdo" estos konvene akceptata de la esperantista publiko. Michael Lennartz

## Julio Baghy: La verda koro

Estas sufiĉe granda problemo trovi taŭgan legaĵon en Esperanto por tiuj, kiuj finis kurson por komencantoj. La plej multaj libroj kaj gazetoj ne estas verkitaj por komencantoj kaj se ili volas tamen legi tiujn, ili bezonas multe da tempo kaj necesas labori kun vortaro. Tial ni nur povas bonvenigi la novan eldonon de „La verda koro". La aŭtoro mem nomas ĝin „Facila romaneto por komencantoj". Kaj tio ĝi vere estas. Sed ĝi taŭgas ankaŭ kiel lernolibro por daŭriga lernado helpe de la aldonita parto „Vortaro — Gramatiko — Sintakso". Tie vi trovas vortojn kaj gramatikaĵojn por ĉiu unuopa ĉapitro. Ne mankas ankaŭ „Konsiloj por kursgvidantoj". Sed pri kio temas en la romaneto? Temas pri Esperanto grupo en iu siberia loko, kie kunvenadas diversnaciaj personoj por komune lerni Esperanton. La aŭtoro priskribas ne nur instruhoron kaj komunajn agadojn de la grupanoj. Li tuŝas ankaŭ la privatan vivon de kelkaj el ili. Temas pri amikeco kaj amo, pri renkontoj kaj disiroj. Kaj ĉio en facila, bona lingvo tipa por Julio Baghy. Ke Baghy estas ankaŭ konata poeto, ni povas vidi el tio, ke li ornamas la romaneton en iuj ĉapitroj per versoj.

Iuj eble riproĉos, ke la enhavo de la romaneto estas hodiaŭ sufiĉe malmoderna. Sed ne forgesu, ke ĝi estis skribita en la jaro 1937. De tiam aperis kelkaj eldonoj kaj tio pruvas, ke ĝi ĉiam denove trovas intereson ĉe la esperantistaro.

Mi rekomendas tiun ĉi libron al ĉiuj komencantoj, kiuj havas intereson daŭrigi la lernadon. Vi povas mendi ĝin ĉe: Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Straße 9.

Julio Baghy la verda koro Budapest 1982, ISBN 963 571 1069. 104 p. Dieter Berndt

## OKULFRAPAJ REKLAMILOJ

Hungario. — Budapeŝto. — Du koloraj prospektoj, ĉiu kun 16 koloraj kaj 8 tekstaj paĝoj. 25 x 20 cm. Laŭ komisio de Hungara Fremdultrafika Oficejo eldonas Fremdultrafika Propaganda kaj Eldona Entrepreno. Resp. redaktoro: T. Moldován.

La bildoj, en originala aranĝo kaj en senescepte brila kolorkvalito, prezentas palacojn kaj ŝajne netuŝitan naturon, vilaĝojn kaj velbrilajn lagojn, koncertejojn kaj hejmecajn vinkelojn, multon alian interesokaptan kaj okulfrapan. Kaj en ĉiuj fotoj rigardeblas aŭ senteblas homoj feliĉaj kaj kontentaj, laborantaj aŭ feriantaj, muzikantaj aŭ baniĝantaj, dancantaj aŭ ripozantaj. Nur trafoliumante la du prospektojn, mi jam venis al la celita penso: Tien mi devas vojaĝi! Eĉ se la bildoj iomete plibeligas la realecon, tamen tiel multe da impresoj restas, ke tiu vojaĝdeziro devas ekesti.

Poste legante la tekstojn, mi nur povis miri, kiel eblas enŝovi tiom multe da informoj en nur 8 paĝojn. Legi ta teksajn ekstas ĝuo ankaŭ laŭ lingva vidpunkto, ĉar ĉio estas esprimata klare, en bele moderna Esperanto. Bedaŭrinde la tradukinto(j) restas nenomata(j). Nur bagatelo mankas: indikoj pri la prononco en la hungara lingvo, pro la propraj nomoj. La du prospektoj vere atingas la celon varbi kaj gvidi la vojaĝantojn. Mi kuraĝas varbi ankaŭ la legantojn de tiu ĉi recenzo por vojaĝo almenaŭ al Budapeŝto, al la perlo de Hungario, per la vortoj el la prospekto: „Montoj, akvoj kaj la urbo, ĉio estas kune, jen la metropolo, kie la infanoj, dek-, mez- kaj pliaĝuloj same trovas ĉion, indan viziti kaj ekkoni. Estas certe, ke vi ne trompiĝos, se vi vizitos la urbon, certe, ke la amantoj de Budapeŝto per vi plinombriĝos."

Michael Behr

## Distingo por Aleksiev

La 24an de majo 1983 la bulgara registaro disitngis Nikola Aleksiev per la titolo „Merita aganto de la kulturo". GDREA tre kore gratulas al la jubileulo.

## Literaturo pri interlingvistiko en kiuj lingvoj?

Komence de oktobro 1983 mi statistikis specimenon el mia bibliografia sliparo de ĉ. 6000 titoloj (libroj, studoj, recensoj, artikoloj k. t. p.) por eltrovi, en kiuj lingvoj estas skribita la interilngvistika literaturo inkluzive la esperantologian. La literoj A (208) kaj L (256) sume donas **464 titolojn.** El tiuj **58,3 %** estas **esperantlingvaj, 2,7 % aliplanlingvaj** (Ido, Interlingua, Latino sine flexione, Novial). Do planlingvaj estas sume **61 %**. Se oni faras 61 % = 100 %, la **neesperanta** parto de la planlingva literaturo estas **4,4 %**. Kompreneble sub aliaj literoj oni trovos pli multajn studojn eble en Interlingue, ekz. sub literoj W (de Wahl) kaj M (Matejka). La literaturo en la **grandaj mondlingvoj** disdividiĝas jene: germana 12,8 %, angla 11 %, franca 5,4 %, rusa 4,1 %, do **sume 33,3 %**. La resto de 5,7 % de la tuto disdividiĝas je la lingvoj bulgara (2,6 %), pola (1,3 %), hungara (0,8 %), japana (0,4 %), finna (0,2 %) hispana (0,2 %), litova (0,2 %). Certe aldoniĝos post la trarigardo de la tuto ankaŭ aliaj etnolingvoj.

Kompreneble tiu-ĉi statistiko estas subjektiva kaj nur la esploro de ĉiuj 6000 titoloj donas iom uzeblan superrigardon. Kvankam, kompreneble — la de mi kolektitaj 6000 titoloj ne estas la tuta interlingvistika literaturo, sed certe la ĉefa. Tamen — la specimena statistiko pravigas jenajn konkludojn:

1. La ĉefa parto de la interlingvistika/esperantologia literaturo (= pli ol 60 %) estas skribitaj en planlingvoj, de tio pli ol 95 % en Esperanto.

   Tio signifas, sciencisto ne scianta Esperanton aŭ entute ignorante la planlingvan literaturon ne kapablas vere science esplori la interlingvistikan-esperantologian problemaron.

2. Konsiderinda parto de la faka literaturo ankaŭ estas skribita en la lingvoj angla, germana, franca kaj rusa, t. e. ĉirkaŭ unu triono.

   Verŝajne la angla kaj germana sur unu flanko kaj la franca kaj rusa sur alia flanko estas iom similkvantaj.

Ju pli interlingvistiko eniros en la profesian sciencan mondon, des pli supozeble kreskos la parto de la etnolingva literaturo. La statistiko kompreneble nur povas doni kvantajn indikojn kaj nenion diras pri la kvalito de la literaturo, kiu ja estas tre diversa kaj en la planlingvoj kaj en la etnolingvoj.

Detlev Blanke

## Pri „Soveta Unio" terminologie

Traleginta en „der esperantist" n-ro 104 vian artikolon „Profesoro Simeon Naumoviĉ Podkaminer — 80jara" mi trovis tie esprimojn, kiujn mi ne povas aprobi.

Vi uzas kelkfoje la vortojn „soveta", kaj nur unu fojon la vorton „sovetia" en senco, kiam mi **nepre** uzus la vorton „sovetia". Laŭ mia kompreno, la vortoj „Sovetio" (kun adjektivo „sovetia") kaj „soveto" (kun adjektivo „soveta") havas absolute diferencajn signifojn.

1. „Sovetio" = Sovet-unio = USSR estas ŝtato. Sovetia, t. e. adjektivo devenanta de tiu vorto, havas konforman signifon. Ekzemple „Sovetia delegito" estas delegito de Sovet-unio.

2. „Soveto" estas **formo de administrado** kiu ekestis en Sovet-unio kaj kiu estas tipa por ĝi. (La vorto Sovet-unio devenas de ĝi.) Ĝi signifas proksimume la samon kion signifas la vorto „Konsilantaro".

   Ekzistas vilaĝaj, urbaj, distriktaj, respublikaj sovetoj, kaj ekzistas „Supera Soveto de USSR".

   Konforman signifon havas la adjektivo „soveta" devenanta de tiu vorto. Ekzemple „soveta delegito", estas delegito **de iu soveto, sed ne de Sovetunio.**

Tial mi opinias ĝusta vian esprimon „La estimo en la sovetia kaj tutmonda Esperanto-movado . . ." kaj malĝustaj viajn esprimojn „Soveta Kolonelo", „Soveta Okupita Zono", „Sovetaj kaj germanaj esperantistoj", „Soveta Esperanto-movado". (La lasta esprimo signifas Esperanto-movado de iu Soveto t. e. Konsilantaro, ekzemple de anoj de Supera Soveto de USSR.)

(Simile ni diferencigas la vortojn Ukrainio (adjektivo ukrainia) kaj Ukraino (adjektivo ukraina). Ukrainio estas respubliko, kaj ukraino signifas naciecon.

„Ukraina Societo", kies anoj devas esti ukrainoj, povas ekzisti en Ameriko.

„Ukrainia Societo" devas ekzisti en Ukrainio, sed ĝiaj anoj povas esti ne nur ukrainoj, sed ankaŭ rusoj, judoj k. a.)

Leon Zimels, Ternopol

## Opinio pri la lernolibro

Richard Schulz el FRG recenzis la lernolibron de Till Dahlenburg/Peter Liebig en „Vestfaliaj Flugfolioj" (N-ro 44, 2/1983) kaj i. a. skribas:

„La intereson de la lernantoj vekas kaj helpas subteni ĝis la fino la karikaturaj desegnajoj, kiuj akompanas preskaŭ ĉiun el la 20 lecionoj. Ili ilustras la distre rakontantajn tekstojn, kiuj prezentas la bazan vortmaterialon kaj la gramatikajojn. Ili temas pri la travivajoj de certa grupo de personoj, kiuj per siaj interrilatoj ŝpinas kvazaŭ romaneton . . .

La funde pripensita metoda konstruo de la libro sekvas modernajn didaktikajn kaj psikologiajn ekkonojn. Aparte rimarkinde estas la tre zorga traktado de la Esperanta verbo. La verbo ja estas la spino de la lingvo. Tiu rare sufiĉe atentata ĉapitro de la Esperanta gramatiko dispartiĝas super naŭ lecionoj.

La libron plivalorigas kelkaj akcesoraj partoj: antaŭparolo, kiu peras unuajn nepre sciindajn detalojn pri Esperanto ĝenerale; indikoj por la uzado de la lernolibro, aparte ankaŭ por aŭtodidaktoj; klariga tabelo de la gramatikaj esprimoj; 24-paĝa resumo de la gramatiko; dupaĝa bibliografio kaj 39-paĝa vortareto Esperanto-Germana."

# KORESPONDDEZIROJ

**Ni publikigos nur tajpitajn koresponddezirojn!**

## Brazilo

Studento, 22j. filatelisto, dez. kor. p. ĉ. t.: José Adriano Carneiro, Rua Clemente Ferreira 61/904, **40000 Canela-Salvador-Bahia.**
Alexandre Miguel Carneiro, Ruo Clemente Ferreira 61/904, **40000 Canela-Salvador-Bahia,** dez. kor. p. ĉ. t. spec. kun geesp. el GDR, kol. bk

## Bulgario

Liljana Ivanova, **5000 Veliko Tárnovo,** pk. 43, dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.
Studentino, 19j., dez. kor. tutmonde pri muziko, literaturo, kol. librojn, gramofondiskojn: Mariana Bojanova Petkova, „Červena zvezda" bl. 47—48, vh. U, ap. 155, **Sofia 1172**

## ĈSSR

Josef Helmeczi, **076 52,** (18j.) dez. kor. kun gejunuloj.

## GDR

**Kunlaborantoj reĉataj:** Ni komencis ellabori terminaron, intencas traduki fakajn artikolojn kaj eble ankaŭ praktike labori sur la kampo de medio-protektado. Se vi volas kunlabori, skribu al: GDREA, Subdistrikta Estraro Bernburg, 4350 Bernburg, Postfach 1 Gekursanoj, 16 — 45 j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t. Skribu al: Elmar Starke, **1400 Oranienburg,** Mittelweg 72, pk. 14123
14-jara knabino dez. kor. tutmondo, aparte kun latinamerikaj geknaboj. Kol. pm, bk pri fremdaj landoj, bestoj. Interesiĝas pri filmoj kaj aktoroj: Katrin Blanke, **1054 Berlin,** Rosenthaler Str. 2
Lernantino, 15j. dez. kor. tutmonde pri moderna muziko, lingvoj kun esperantistinoj: Grit Hanschmann,**2831 Lüttow,** (Kr. Hagenow)
Lernantino, 15j., dez. kor. tutmonde kun esperantistinoj pri moderna muziko, lingvoj, modo, kol. pm: Grit Reiter, **2824 Zarrentin,** Thomas-Müntzer-Straße 37a

## Hungario

László Köröskényi, **4511 Nyirbogdány,** Kéklö-2, (29j.), komencanto, dez. kor. kun samaĝaj esperantistinoj el GDR.
Judit Erdélyi, **6600 Szentes,** Derzsi K. Jenö u. 41, (19j.), dez. kor. p. ĉ. t.
Studentino, 26., dez. kor. kun geesp. el GDR pri pedagogio, psikologio, filozofio, muziko: Klára Katona, **1124 Budapest,** Németvölgyi ut. 57 Miklós Zinger, **1111 Budapest,** Kende ut. 11, (22j.), dez. kor. kun germanaj junulinoj.
7 studentinoj de la Pedagogia Altlernejo dez. kor. kun 20-26-jaraĝaj gejunuloj. Skribu al: Viktoria Balogh, **3300 Eger,** Föiskola, Matematika T.

## Kubo

Membro de la estraro de Kuba Esperanto-Asocio, Juan Lázaro Besada Toledo, Gervasio 62, ap. 3, 2do piso, e/Lagunas y San Lázaro, **Ciudad Habana 2,** dez. kor kun geesperantistoj el GDR.

## Portugalio

José Pinto Ribeiro, Rua dos Mercadores 51, **7000 Evora,** dez. sovetajn pm el 1979-81 laŭ katalogo Yvert, donacas portugalajn pm (neuzita-serio) alumetetikedojn, cigaredpakajojn.

## Rumanio

Inĝeniero, 35j., dez. kor. pri aŭtomatiko, ekskursoj, popolaj kutimoj: Liviu Modran, str. Biled nr. 23, **2400 Sibiu.**

## Svedio

Pastoro, 36j., dez. kor. kun geesp. el GDR: Nils Alvar Ekstén, **261 04 Landskrona,** Poŝtkesto 4050

## Usono

Prof. Richard Swerdlin, North Texas State University, P.O. Box 13857—NTSU Station, **Denton,** Texas **76203—3857,** dez. kor. pri edukado, verkado, literaturo, filozofio, nuntempaj eventoj.

## Soveta Unio

Matematikisto, 26j., dez. kor. pri fotografado, lingvoj, kol. bk: Peeter Trutsi, pk 9, **202 100 Rakvere,** Estonio
50 diversaĝaj geesp. de la E-Klubo Kedainiai dez. kor. p. ĉ. t.: Esperanto-Klubo, **235 030 Kedainiai,** A. d. 50, Litovio
Ludmila Dudina, **424 035 Joŝkar-Ola,** Karl-Liebknecht-Str. 60—18, dez. kor. tutmonde pri sporto, moderna muziko k. a. temoj
Kylli Kaunissaar, **200 014 Tallinn,** Katusepapi 10 — 15, Estonio, (31j.) dez. kor. kun junaj geesp. el GDR pri artoj, fremdaj lingvoj, literaturo popmuziko.
16j. knabino dez. kor kun gejunuloj tutmonde pri sporto, turismo, pop-muziko, lingvoj: Edita Kasperaviĉuite, Antakalnio 58 — 22, **232 055 Vilnius.**
16j. knabino dez. kor. kun gegermanoj pri literaturo: Rita Vairaite, Karaĉiuny 17, **232 055 Vilnius.**
Baĥadur Sadikov, **735 900 Kanibadam,** S. S. Puloton, ul. Kajragaei 3, Taĝikistano, dez. kor. kun gejunuloj tutmonde p. ĉ. t.
36j. teknikisto dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Viktor Poljakov, **656 061 Barnaul,** Pavlovskij trakt 78, loĝ. 15
36j. minlaboristo dez. kor. kun samideanoj el GDR p. ĉ. t.: Fjodor Nemcev, **347 022 Rostovskaja obl.,** Belaja Kalitva Ŝoloĥovskij, Majakovskistr. 15 — 4
Inĝeniero, 25j., dez. kor. p. ĉ. t.: Gluoksnis Kastitis, **234 305 Vaudziogala Kaunom,** Litovio
16j. lernanto dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Vladimir Demenjov, **456 300 Ĉeljabinskaja obl.,** Miass, pr. Avtozavodcev 48 — 25

Herausgeber: Kulturbund der DDR
Redaktion: 1080 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke.
Redakitonskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. — Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. —
Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckerei Aue, 9400 Aue,
Artikel-Nr. (EDV) 7928 3 2 16